# LITERATURA MONDO

Dua jaro No 11 (14) Novembro 1923





Responda Redaktoro. Dro Teodoro Schwartz. Redakta Komitato: Julio Baghy, Dro Kolomano de Kalocsay, Paulo de Lengyel, Paulo Balkányi. Redaktejo kaj administrejo: Budapest, Andrássy út 81

# AL NIAJ LEGANTOJ!

Antaŭ unu jaro, en la unuaj tempoj de nia revuo, ni imagis alimaniere la nunan tempon. Jes, ni estis certaj, ke nun nia gazeto estas jam minimume 48-paĝa, ke ĝi estas fidela raportanto de ĉiu literatura okazaĵo de l' mondo, ke ĝi estas — laŭ amplekso, enhavo kaj ekstero — samnivela kun la plej belaj naciaj revuoj.

Vi vidas, ke nenio realiĝis el ĉio tio ĉi. Estis kelkaj, kiuj rimarkis kaj akcentis niajn mankojn, kiujn ni mem konsciis plej bone, eĉ, estis kelkaj, kiuj ĝojis pri la revuo, kia ne ekzistis ankoraŭ en Esperantujo, sed apenaŭ iu rekonis, ke la revuo estas en la nuna formo nur promeso, promeso de io grandioza, promeso de unu el la plej grandaj sukcesoj de Esperanto, kaj ke realigi ĉi tiun promeson devas la Esperantistaro mem per abono kaj subteno.

La nuna subteno ne sufiĉas eĉ por la konservo de la nuna nivelo. Se 80 % da abonintoj forgesas reaboni, se reprezentantoj sendas monon nur post tiom da alvokoj, ke la poŝtelspezoj superas la ricevitan sumon, se en la tuta kolporta afero oni plejparte vidas nenian *koron*, nenian komprenon de nia graveco, eĉ ignoron kaj indiferenton, — ĉu oni ne komencas perdi mem la fidon je la graveco de nia afero; eble ĉio ĉi estas nur sencencaĵo por kio ni oferis tempon, monon kaj noktan ripozon. Ĉu oni rajtas perforti la eldonadon de revuo por popolo, kiu . . . eh, legu la poemon de *Raymond Schwartz* en nia nuna numero.

Ni volus presi ĉi tie kelkajn nomojn, karajn al ni, kaj danki ilin kiel niajn helpojn kaj kuraĝigojn. Sed ili ja certe sentas, ke niaj riproĉvortoj ne tuŝas ilin. Kaj ilin ni demandas: Kion fari?

**PREZOJ DE „LITERATURA MONDO" PO NUMERO:**

| | | | |
|---|---|---|---|
| —.16 dolaroj | —.80 svis. frankoj | —.80 norv. kronoj | 3.— liroj |
| —.40 guldenoj | —.80 danaj kronoj | 1.— pesetoj | 4.50 ĉ. kronoj |
| —.60 sved. kronoj | 2.— fr. frankoj | —.80 ŝilingoj | —.30 jenoj |

El la landoj, kiuj ne estas nomataj, oni petu rektan proponon de ni!

**SENPAGAJN NUMEROJN NI NE LIVERAS ★ NI ESPERAS, KE ĈIUJ AKIROS NOVAJN ABONANTOJN**

**EN LA SEKVANTAJ LANDOJ VI POVAS ABONI ĈE NIAJ ABONEJOJ:**

*Argentino:* Irenjo Balkanyi, Buenos-Aires, Jorge Newberry 2667.
*Austrujo:* Wien, Esperanto - eldonejo „Nova Tempo", VI., Mollardgasse 55.
*Britujo:* The British Esperanto Association, 17 Hartstreet, London, WC. 1.
*Bulgarujo:* Centra Librejo Esperanto (Gaŝevsky) Sofia.
*Belgujo:* Frans Schoofs, 45 Kleine Beerstraat. Antwerpen, Poŝtĉekkonto No 284. 20. —
*Ĉehoslovakujo:* Otto Sklenĉka, Hradec Králové.
*Danujo:* Martin Blicher, International Boghandel, Hotel d'Angleterre, Kobenhavn.
*Estonujo:* Helmi Dresen, postkast 6, Tallin.
*Finnlando:* O/Y. Movado A/B. Helsinki, Kasarminkatu 20.
*Francujo:* Esperantista Centra Librejo, 51, rue de Clichy, Paris.
*Germanujo:* J. Major, Oldenburg i, P. Damm 33. Raabe.
*Hispanujo:* Ferdinando Monserrat, Barcelona. Str. Villaroel 107, 2º 2º.
*Italujo:* J. Mainardi. Viale Vittoria 1, Milano 21.
*Jugoslavujo:* Dro. D. Maruzzi, Zagreb, Jezuitska-ulica 1.
*Latvujo:* Talivaldo Indra, Posta kaste 475, Riga
*Litovujo:* P. Medem Kaunas Smelingasse 12.
*Norvegujo:* Prjt. Rolf E. Bugge Paulsen, Huitfeldts-g. 35—I., Kristiania.
*Polujo:* Pola Esp. Servo Bydgoszcz-Dluga 1.
*Rumanujo:* Esperanto-Centro Rumana, Bucuresti Alea Suter 19.
*Svisujo:* Esperanta Librejo „Verda Stelo" Rosenheimstr. 5, St. Gallen-Ost.
*Usono:* The Esperanto Service Corporation Box 32 Weehawken N.

**LAŬVOLE SENDU ALTAN SUMON KAJ NI LIVEROS TIOM DA NUMEROJ, KIOM VALORAS LA PAGO!**

# ALEKSANDRO GIESSWEIN

**1856—1923**

Konsternite per la subita, neatendebla perdo, ni eĉ ne povas percepti en la unua momento, kia frapo trafis nin per la morto de nia altŝatata kunlaboranto, Aleksandro Giesswein. La Esperantismo denove perdis unu el tiuj malnovaj, bedaŭrinde ĉiam pli maloftaj bataiantoj, por kiuj la "interna ideo" ne estas nur prisilentata kaj kvazaŭ hontata suplemento, sed esenco de nia afero kaj esenco ankaŭ de ilia propra vivo. Vaste ekster la limoj de sia lando li estis konata kaj amata anoncanto de paco kaj amo, vera pastro de Kristo, kiu per la ĉarmo de sia individueco semis en la koroj sian grandan amon al bono kaj vero. Esperantismo, pacifismo kaj ĉiu movado gvidanta la homaron el la malkvietaj akvoturnoj de niaj tagoj al la feliĉa insulo de l' morgaŭo, trovis en li sian fidelan adepton. El la grandaj internaciaj kongresoj, interparlamentaj konferencoj neniam mankis lia karakteriza figuro, liaj bonaj okuloj, liaj vortoj kun sia aparta, muzika sonoro kaj varma kaj ĉarma patoso. Lia laborkapablo estis vere enigma. Inter siaj okupoj de pastro, sciencululo, publicisto, politikisto, prezidanto de sennombraj kulturaj, bonfaraj kaj homaranaj societoj li havis tempon ne nur propagandi, sed ankaŭ funde koni nian lingvon, li estis membro de la Lingva Komitato kaj lia stilo, klarkaj plastika, sekvis ĉiun paŝon de la moderna evoluo de Esperanto. — Kaj kelkajn horojn antaŭ sia morto, kiu subite trafis lin, li ankoraŭ donis Esperantan lecionon al sia parencino.



Lia scienca verkado okupis sin ĉefe pri teologio kaj lingvistiko. En 1887. aperis lia granda libro "La Sanktaj Skriboj en la lumo de la asirologio kaj egiptologio", kaj poste lia libro pri la parencaj trajtoj de la kristanismo kaj budhismo. Liajn lingvostudojn resumas la "Ĉefproblemoj de lingvistiko" kaj „Les progrés de la linguistique".

De dudek jaroj li iris la abruptajn kaj ofte marĉajn vojojn de l' politiko. Sed sur ĉi tiuj vojoj li povis trairi pure, kun sekaj piedoj, kiel Kristo sur la maro. Lin gvidis ankaŭ tie la scienco kaj la etiko. Kiel eble pej multe utili al kiel eble plej multaj — jen estis lia politika programo, kiun li servis per sia vasta kaj klarvida erudicio, per sia grandioze pura kaj grandioze forta amo al la homoj kaj al la homaro. Kortuŝa amo al malriĉuloj, sortofrapitoj plenigis lian noblan koron. Ofte li iris, en sia fama flikita pastrorobo, la malhelajn flankstratetojn de la urbo, vizitis la nestojn de l' mizero, portante konsolan kuraĝigon, malavaran helpon. Neniu petanto foriris de li malplenmane. Milda boneco, komprena amo, sincera entuziasmo por ĉio bona kaj bela radiis de lia vizaĝo, faris ĉirkaŭ li kvazaŭ sorĉan rondon inspirantan por noblaj sentoj kaj penoj. La koron de l' apostoloj li havis kaj ankaŭ ilian senlacan fervoron kaj potencan konvinkforton. Lia vivo estis pura vivo de sanktuloj.

Nun li ripozas. Li trovis la pacon, kiun li tiel arde sopiris. Kaj kvazaŭ super lia tombo ankoraŭ pli brue furiozus la amara mondo, ĉar estingiĝis fajrero, kiun Dio donis al lia bona animo, kaj kiun li tiel fervore kreskigis je flamo bene varmiganta ĉiujn ĉirkaŭ li. Kaj lia ekzemplo donas al ni, flametoj ĉirkaŭ lia tombo, la sanktan devon: brili kaj varmigi laŭpove en la mondmallumo. Tiel ni honoru plej inde lian benatan memoron

# LA VIVO DE HOMO[1]

Ŝ. AN-SKI.

Kiam homo estas naskiĝanta, donas la Ĉiopova signon al la anĝelo nomata „Lajla" (Nokto) kaj ekdiras al li jene:

— Sciu, ke ĉi-momente naskiĝas tiu kaj tiu homo de tiu kaj tiu spermoguto kaj venigu ĝin al mia trono.

Kaj la anĝelo plenumas la ordonon de la Ĉiopova kaj alportas la spermoguton al la sojlo de la Dia trono.

Kaj eldonas la Ĉiopova la verdikton por la homo naskiĝonta: ĉu li estu de sekso vira aŭ virina, fortulo aŭ malfortulo, belulo aŭ malbelulo.

Sed ĉu li estu bonulo aŭ malbonulo, justulo aŭ petolulo — tion Dio ne destinas.

Kaj Dio, benata Li estu, donas signon al anĝelo estranta la animojn, dirante: — Flugu Edenon kaj prenu el la animejo tiun kaj tiun animon tiel aspektantan.

Ĉar ĉiuj animoj jam kreitaj kaj kreotaj de la mond-origino ĝis la fino de ĉiuj generacioj, estas preparataj por homoj.

Kaj la anĝelo, estranta la animojn, prenas el la animejo la difinitan animon kaj starigas ĝin ĉe la sojlo de la Dia trono.

Diras al ĝi la Ĉiopova jene:

— Animo! Eniru en la spermoguton, eniĝu en ĉiujn sescent sesdek ses[2] membrojn kaj tio estu via loĝejo, ĝis kiam finiĝos la tempo de la homa Vivo.

Kaj la animo genufleksas kaj falas vizaĝaltere antaŭ la Eternulo kaj malfermante la lipojn ekparolas kun granda tremo kaj peto:

— Estro de ĉiuj mondoj, sufiĉas por mi tiu mondo, kie mi troviĝas de la tempo de mia kreiĝo. Kaj se plaĉas al via Ĉiopova volo, ne enigu min en la malindan guton, ĉar mi estas sankta kaj pura.

Kaj la Ĉiopova respondas al la animo, jene:

— La guto, kien mi enigas vin, ankaŭ estas mondo sankta kaj senlima. Kaj ĉi tiu mondo pli konvenas al vi ol tiu, kie vi troviĝas nun. Ĉe via kreado mi jam destinis vin por ĉi tiu guto.

Kaj la animo ploras kaj ĝia plorado aŭdiĝas de unu mondfino ĝis la alia. Kaj kune kun ĝi ploras ĉiuj aliaj animoj kaj anĝeloj.

Sed la Ĉiopova ne atentas ilian ploradon kaj perforte enigas la animon en la spermoguton.

Kaj Li vokas la anĝelon, nomatan „Lajla" kaj ordonas revenigi la guton en la uteron de la patrino kaj ĉi momente la spermoguto estiĝas ido en la utero de la patrino.

*

La Ĉiopova donas al la novkreita ido du gard-anĝelojn, luman kaj malĝojan.

Prenas ĉiumatene la luma anĝelo la idon, kondukas en Edenon kaj montras al ĝi la „Cadikim" (justulojn), kiuj sidas en grandega ombro kun kronoj sur la kapoj kaj estas traigitaj per la luma rebrilo de la „Ŝhino" (dia spirito).

Kaj la luma anĝelo demandas la naskoton:

— Ĉu vi vidas ĉi tiujn?

Respondas la ido:

— Mi vidas ilin.

Kaj redemandas la anĝelo:

— Ĉu vi scias, kiuj estas ĉi tiuj?

Kaj respondas la naskoto:

— Mi ne scias, kiuj ili estas.

Malfermas la anĝelo siajn lipojn kaj diras:

— Ili, kiujn vi vidas en pompo kaj brilo, estis, kiel vi, kreitaj en utero de siaj patrinoj kaj en suferoj ili naskiĝis kaj vivis sur la mondo inter mortemuloj. Sed ili plenumis la volon de la Ĉiopova, kiu kreis ilin. Pro tio ili indis esti kronitaj.

Kaj vespere prenas la malĝoja angelo la naskoton, kondukas en Gehenon kaj montras al ĝi la „Rŝaim" (pekulojn), turmentatajn per eternaj doloroj kaj enprofundigitajn en la abismon de honto. Kaj iliaj vizaĝoj estas mallumaj, iliaj rigardoj senesperaj kaj ilia voĉo estas sufokata ĝemego. Kaj la malluma anĝelo demandas la idon:

— Ĉu vi vidas ĉi tiujn?

Respondas la naskoto:

— Mi vidas ilin.

Kaj redemandas la anĝelo:

— Ĉu vi scias, kiuj estas ĉi tiuj?

Kaj respondas la ido:

— Mi ne scias, kiuj ili estas.

Malfermas la anĝelo siajn lipojn kaj diras:

— Ili, kiujn vi vidas en honto kaj turmentoj, estis, kiel vi, kreitaj en uteroj de siaj patrinoj kaj en sufero ili naskiĝis kaj vivis sur la mondo inter mortemuloj. Sed ili ne plenumis la volon de tiu, kiu ilin kreis. Pro tio ili estas kondamnitaj al eterna mallumo kaj dentgrincado.

Kaj nun sciu, ke ankaŭ al vi estas destinite naskiĝi kaj vivadi en la sama mondo. Kaj vi povas elekti la irotan vojon.

*

Ĉiutage portas la anĝeloj, la luma kaj la malĝoja, la novkreitan idon kaj montras al ĝi la mondon de unu fino ĝis la alia.

Kaj la naskoto penetras en ĉiujn voĉojn kaj sonojn, en ĉiujn kolorojn kaj desegnojn, kaj ĝi

[1] Ĉi tiu verketo apartenas al la mirinda novel-serio „Antikvaĵoj" en kiuj la autoro prilaboras en belega biblia lingvo la legendojn kaj kredojn de la juda popolo.

[2] Lau antikvaj sanktaj libroj la homa korpo konsistas el 666 membro.

vidas ĉiujn ĝojojn kaj dolorojn de la mondo. Kaj ĉiunokte bruligas la anĝeloj sur la kapo de la ido lumon kaj instruas al ĝi la tutan „Toron“ [3] kaj malkovras al ĝi ĉiujn misterojn, kaŝitajn jam de la mond-origino, kaj levas por ĝia rigardo kurtenrandon de la eterneco. Kaj kiam finiĝas la naŭ monatoj, venas al la naskoto la anĝelo, nomata „Lajla“ kaj demandas ĝin:

— Ĉu vi rekonas min?

Respondas la ido:

— Mi vin rekonas.

sensciuloj, ĉar senpeka mi estas kaj ĉioscia. Respondas la anĝelo:

— La mondo kien mi enkondukas vin, estas mondo de vivo kaj justo. Vin kreante Dio antaŭdestinis vin nur por ĉi tiu mondo.

Ploras la naskoto. Kaj ĝia plorado aŭdiĝas de unu mondangulo ĝis la alia kaj kune kun ĝi ploras ĉiuj idoj en la patrinuteroj kaj ankaŭ ĉiuj angeloj.

Sed la Ĉiopova ne atentas ilian ploradon. Kaj la anĝelo, nomata „Lajla“, estingas la



Béla Iványi Grünwald: Susana dum la bano

Kaj la naskoto demandas:

— Por kio vi alvenis ĉi-hore al mi?

Kaj respondas al ĝi la anĝelo, dirante:

— Venis la horo de via naskiĝo. Vi devas eniri en la homan mondon.

Kaj diras la naskoto:

— Mi tre kontentas pri la mondo, en kiu mi troviĝas. Kaj se tio estas laŭ la volo de la Ĉiopova, mi petas vin ne enkonduki min en la pekan mondon de l' mortemuloj kaj

kandelon super la kapo de la naskoto kaj forigas la du anĝelojn, la luman kaj la malĝojan. Kaj tiam alvenas la anĝelo „Pora“ (anĝelo de forgesemo) kaj ekpinĉas ĝiajn lipojn kaj la naskoto forgesas per unu fojo ĉion, kion ĝi vidis kaj aŭdis. Kaj el ĝia cerbo malaperas la instruo, kiun ĝi lernis, kaj tio, kion ĝi vidis malantaŭ la suprenlevita kurtenrando de la eterneco. Sole en la profundaj kaŝejoj de ĝia koro restas la resono de ĉio vidita kaj lernita.

Kaj la anĝelo „Lajla“ elirigas ĝin perforte el la patrina utero.

Kaj de tiu tempo la homo trairas sep mondojn:

En la unua mondo li similas novelektitan reĝon, kiun ĉiuj salutas, bonvenigas kun ĝojo kaj alportas donacojn.

En la dua mondo li similas al kapro, kiu sin paŝtas sur la herbejo, saltadas ĝoje, senzorge, kaj konsumas herbon, kiun ĝi ne semis.

En la tria mondo li similas ĉevalidon ne sciantan pri abstinenco kaj li ebrias pro libereco kaj pasioj.

En la kvara mondo li similas rapidkuran ĉevalon, kiu galopas ĝoje en jungo kaj ne sentas la veturilon kun la malpezaj veturantoj.

En la kvina mondo li similas al azeno, plenŝarĝita kaj pasanta sub la vipoj de la pelisto.

En la sesa mondo li similas al hundo, tiranta ĉion, kion ĝi povas kaj li bojkrias ĉiun alproksimiĝanton.

En la sepa mondo li similas al simio, kiu aspektas kiel homo kaj tamen ne egalas kun homo, kaj li perdas la prudenton kaj ĉiuj lin primokas kaj malobeas.

Kaj jen alvenas la horo de la homa morto.

Kaj ree venas al li la anĝelo, nomata „Lajla“ kaj demandas:

— Ĉu vi rekonas min?

Respondas la homo:

— Mi rekonas vin.

Kaj la homo demandas:

— Por kio vi alvenis ĉi-hore al mi?

Kaj la anĝelo respondas, dirante:

— Mi venis forpreni vin el la mondo. Ekbatis la horo de via morto.

Kaj la homo ne volas foriri el la mondo, kaj diras:

— Vi elkondukis min du fojojn el du mondoj, el kiuj mi ne volis foriri. Kial vi ree venis elirigi min el ĉi tiu mondo?

Kaj maldolĉe ploras la homo kaj krias, kaj lia kriado portiĝas de unu mondfino ĝis la alia, sed nenia vivulo lin aŭdas, ĉar disiĝus ĉiu koro. La strigo, sole, aŭdas la kriadon kaj respondas.

Kaj la anĝelo, nomata „Lajla“ diras al la homo:

— Sciu, ke perforte vi estis kreita, kontraŭvole vi vivis kaj kontraŭvole vi mortos kaj estos responda antaŭ la Reĝo de la reĝoj, benata estu Lia nomo!

Kaj la anĝelo forprenas la animon de la homo.

El la juda: J. JURYSTA.

---

# LA BESTO DE MASTRO BELHOMME

GUY DE MAUPASSANT

La publika poŝtveturilo al Havre estis forlasonta *Criquetot;* kaj ĉiu vojaĝanto atendis la vokon de sia nomo en la korto de l' *„Hotel du Commerce“* direkta de *Malandain* filo.

Ĝi estis flava veturilo muntita sur radoj iam ankaŭ flavaj, nun preskaŭ grizkoloraj pro la amasiĝo de koto. La antaŭaj estis tute malgrandaj, la malantaŭaj, altaj kaj maldikaj, surportis la kestegon, kiu estis senforma kaj ŝvela, kvazaŭ besta ventro. Tri blankaj ĉevalaĉoj, kies grandegajn kapojn kaj rondajn genuegojn oni tuj rimarkis, jungitaj arbalestforme, devis treni tiun veturilaĉon kiu iel similis monstron laŭ sia strukturo kaj irmaniero. La ĉevaloj ŝajnis jam endormiĝintaj antaŭ la stranga veturilo.

La veturigisto *Césaire Horlaville,* dikventra vireto, tamen facilmova pro la konstanta kutimo grimpi sur siajn radojn kaj imperialon, kun vizaĝo ruĝigita de la kampara aero, pluvoj, ventoj, kaj per la trinko de glasetoj, kun okuloj palpebrumantaj pro la vento kaj hajloblovoj. aperis en la hotela pordo viŝante sian buŝon per mandorso. Larĝaj rondaj korboj, plenaj de malkvietaj kortbirdoj, atendis antaŭ tie starantaj kamparaninoj. *Césaire Horlaville* prenis ilin unu post la alia kaj metis ilin sur la veturilan tegmenton; poste li lokis pli milde tiujn kiuj enhavis ovojn; li ĵetis poste tien, el malsupre, kelkajn grensaketojn, malgrandajn pakaĵojn ĉirkaŭvolvitajn per tukoj, tolpecoj, aŭ paperoj. Poste li malfermis la malantaŭan pordon, kaj eltirinte liston el sia poŝo li legvokis:

— Sinjoro pastro de *Gorgeville!*

La pastro, granda, fortika, larĝa, dika, violkolora kaj afablmiena viro, alproksimiĝis. Li suprenlevis sian sutanon antaŭ ol levi la piedon, kiel la virinoj suprenlevas siajn jupojn, kaj grimpis en la kaleŝaĉon.

— La instruisto de *Rollebosc-les-Grinets?*

La viro, longa, timema, enredingotigita ĝis la genuoj, rapidis, kaj ankaŭ malaperis tra la malfermita pordo.

— Mastro *Poiret,* du lokoj!

*Poiret* venis, alta kaj malrekta, kurbiĝinta pro la pluglaboro, maldikigita per la abstinenco, dik-osta, kun haŭto seka pro forgeso de lavadoj.

Lia edzino, malgranda kaj maldika, simila al laca kaprino, sekvis lin portante per

[3] Toro estas, ĝenerale, la leĝaro kaj instruo de Moseo.

ambaŭ manoj grandegan verdan pluvombrelon.

— Mastro *Rabot*, du lokoj!

*Rabot* hezitis, ĉar li havis ŝanceliĝan naturon. Li demandis: „Ĉu estas fakte mi, kiun vi vokas?

La veturigisto kiun oni kromnomis „Viglulo" estis respondonta ŝerce kiam *Rabot* estis ĵetita kapon antaŭen al la pordo per puŝo de lia edzino, alta kaj kvarangula fortikulino, kies ventro estis vasta kaj ronda kiel barelego, kies manoj estis larĝaj kiel lavistina frapilo.

per silkaj kaskedoj, altaj kvazaŭ turoj, superegaj elegantaĵoj en la normanda lando.

*Césaire Horlaville* fermis la fenestropordon de sia kesto, poste supreniris sur sian sidejon kaj klakigis sian vipon.

La tri ĉevaloj ŝajnis vekiĝi kaj ekmovante sian kolon aŭdigis nedifinitan murmuron de tintiloj.

Tiam plenbruste kriegante: „Hŭ", la veturigisto fortege vipadis la bestojn. Ili moviĝis, streĉiĝis kaj ekvojiris per lama kaj malrapida troto. Malantaŭ ili la veturilo, skuante siajn



Jozefo Rippl Rónai: La aŭskultantoj

Kaj *Rabot* rapidis en la veturilon same kiel rato reiras en sian truon.

— Mastro *Caniveau!*

Dika kamparano, pli peza ol bovo, fleksis la risortojn kaj ankaŭ enprofundiĝis en la internon de la flava kestego.

— Mastro *Belhomme!*

*Belhomme*, granda maldikulo, alproksimiĝis kun flanke-kurbigita kolo, plendema vizaĝo, kun tuko aplikita sur orelo, kvazaŭ li suferus pro grava dentdoloro.

Ĉiuj surhavis bluan kitelon super malnovaj kaj strangaj jakoj el nigra aŭ dubeverda drapo: ceremoniaj vestaĵoj kiujn ili malkovris en la stratoj de *Havre;* kaj iliaj kapoj estis vestitaj

tremetantajn vitrojn kaj la feraĉojn de siaj risortoj, faris mirigan bruon de ladaĵoj kaj vitraĵoj, dum ĉiu vico da vojaĝantoj, svingita kaj balancita per la skuoj, havis kvazaŭ ondajn refluojn post ĉiu repuŝo de la vetureksaltoj.

Komence oni silentis pro respekto al la pastro kies ĉeesto malhelpis la senĝenajn interparolojn. Li ekparolis la unua, ĉar li havis paroleman kaj senceremonian karakteron.

— Nu, mastro *Caniveau* — li diris — ĉu ĉio estas kiel vi dezirus?

La grandega kampulo, kiun lia simileco de alteco, kollarĝeco kaj ventrodikeco simpatiigis al la ekleziulo, respondis ridetante:

— Sufiĉe, sinjor' pastro, sufiĉe, kaj pri vi mem?

— Ho! miavice ĉio estas ĉiam bona.

— Kaj vi, mastro *Poiret?* demandis la abato.

— Ho! mi, estus bone se ne estus la kolzoj kiuj ne multe produktos tiun ĉi jaron; kaj, laŭ la stato de la aferoj, estas sur tiu rikolto ke oni reakirus profiton.

— Kion vi volas, la tempoj estas malfacilaj!

— Jes, vere ili estas malfacilaj — certigis per ĝendarma voĉo la virinego de mastro *Rabot.* Ĉar ŝi devenis el najbara vilaĝo, la pastro konis ŝin nur laŭnome.

— Ĉu estas vi, *„la Blondel?“* li diris.

— Jes, estas mi, kiu edziniĝis kun *Rabot.*

*Rabot,* maldikega, timema kaj memkontenta, salutis ridetante; li salutis per granda kapklino antaŭen, kvazaŭ por diri: Jes, estas vere mi, kiu edziĝis kun *„la Blondel“.*

Subite mastro *Belhomme,* kiu konstante premis sian tukon sur sian orelon, kompatindege ekĝemis. Li eldiris „njô... njô... njô...“ frapante per piedo por esprimi sian teruran suferon.

— Ŝajnas ke vi havas fortan dentdoloron? demandis la pastro.

La kamparano ĉesis ĝemi momenton por respondi:

— Tute ne... Sinjor' pastro... Ne estas pro la dentoj... estas en la orelo, en la fundo de la orelo.

— Kion vi do havas en la orelo? Ĉu sedimenton?

— Mi ne scias ĉu estas sedimento, sed mi scias ke estas besto, dika besto kiu eniris tien kiam mi dormis sur la fojno en la subtegmentejo.

— Besto? Ĉu vi estas certa?

— Ĉu mi estas certa? Kiel pri la ekzisto de l' Paradizo, sinjor' pastro, ĉar ĝi mordetas la fundon de mia orelo. Ĝi manĝas al mi la kapon, certe, ĝi manĝas mian kapon! Ho! njô... njô... njô... kaj li rekomencis piedfrapi.

Granda intereso vekiĝis inter la ĉeestantaro. Ĉiu diris sian opinion. *Poiret* certigis ke estas araneo, la intruisto, ke estas raŭpo. Li jam vidis foje tian kazon en *Campemuret* en departemento *Orne,* kie li loĝis ses jarojn, eĉ, la raŭpo estis enirinta en la kapon kaj elirinta tra la nazo. Sed la viro restis surda je tiu orelo ĉar la oreltamburo estis truita.

— Mi pensas ke estas vermo, deklaris la pastro.

Mastro *Belhomme,* kun kapo flankeklinita kaj apogita sur la fenestropordo, ĉar li estis suprenirinta la lasta, ĝemis senĉese.

— Ho! njô... njô... njô... mi kredus ke estas formiko, dika formiko, tiom ĝi mordas. Nun, sinjor' pastro, ĝi galopas... ĝi galopas... Ho! njô... njô... njô... kia mizero!!...

— Ĉu vi ne venigis la kuraciston? demandis *Caniveau.*

— Certe, ne.

— Pro kio?

La timo al la kuracisto ŝajnis sanigi *Belhomme.*

Li rektiĝis, tamen ne forigante sian tukon.

— Pro kio? Ĉu vi havas monon por ili, por tiuj mallaboremuloj? Li estus veninta unu fojon, du fojojn, tri fojojn, kvar fojojn, kvin fojojn! Tio estas, sume, du centsoldaj moneroj, du kvinfrankaj moneroj, certe... Kaj kion li estus farinta por min kuraci? diru, tiu mallaboremulo, kion li estus farinta? Ĉu vi scias tion? he?

*Caniveau* ridis.

— Ne, mi ne scias! Kien vi do iras nun?

— Mi iras al Havre por viziti *Chambrelan.*

— Kiun *Chambrelan?*

— La resaniganton.

— Kiun resaniganton?

— La resaniganton, kiu kuracis mian patron.

— Vian patron?

— Jes, mian patron, iam.

— Kion li havis, via patro?

— Venton en la dorso tiel ke li ne plu povis movi la piedojn, nek la krurojn.

— Kion li faris al li, via *Chambrelan?*

## EL LA POEMOJ DE VEIKKO ANTERO KOSKENNIEMI

### AL LA ENUATA

Ho, vane, enuata karulin',
post mil' da jaroj foje vin kaj min
en niaj tomboj kaŝos sama ter',
distanco kvankam estas sen esper'.
Kaj kiam mil jarmiloj pasis for
tuŝante nian polvon per odor',
jam eble en kaoso de l' eter'
atomon vian trovos mia er'.
Rilate, karulin', al ĉi moment'
Jarmiloj estas sole falsa vent'.
Do, kion kosmo ne kunligis, ĝin
Kaoso eble ligos, karulin'.

### FRATINANIMO

Antaŭe ridas malesper' senlima,
la frunton kovras floroj de la ter';
ĉu ie estas vi, fratinanima,
min tute komprenanta karakter'?

Se nin eterna Bono gvidus iam,
vin estus destininta al mi sort',
okulojn viajn vidus mi. Sed kiam
vi nur naskiĝos, kuŝos mi en mort'.

### ALMOZULINO

Ŝi staras ĉe la strat-angul' kaj suĉinfanon lulas
— mezvintra vento mordas ĝis la ripoj —
kaj febrofloroj de la mort' sur vangoj treme brulas
kaj pro malvarm' sensangaj estas lipoj.

Ŝi al la brusto per ĉifon' l' etulon ŝirme tiras
kaj ĝi dolore, lamentante plendas —
kaj preter ŝi la miloj nur en peltoj rapidiras
kaj peltkolumojn ili altetendas.

el la finna: J. E. Leppäkoski

— Li traktis lian dorson kvazaŭ li knedus panon, per la du manoj, do. Kaj lia malsano forpasis en duo da horoj!

*Belhomme* pensis ke *Chambrelan* estis dirinta ankaŭ iajn parolojn, sed li timis diri tion antaŭ la pastro.

*Caniveau* diris ree, ridante:

— Ĉu ne estas kuniklo kiun vi havas en la orelo? Ĝi pensis ke tiu truo estas ĝia ternesto, pro la dornarbetoj. Atendu, mi ĝin forkurigos.

Kaj *Caniveau*, forminte voĉtubon per siaj manoj, ekimitis la bojadon de la ĉasantaj hundoj. Li bojetis, kriegis, plorpepis, bojis. Kaj ĉiuj en la veturilo ekridis, eĉ la instruisto kiu neniam ridis.

Tamen, ĉar *Belhomme* ŝajnis malkontenta ke oni mokas pri li, la pastro devojigis la interparoladon kaj turnante sin al la granda virino de *Rabot*, li demandis:

— Vi havas multnombran familion, ĉu ne?

— Ho jes, sinjor' pastro... kaj estas malfacile eduki ilin!

*Rabot* opiniis per la kapo, kvazaŭ por diri: „Ho! jes, estas malfacile eduki ilin".

— Kiom da infanoj vi havas?

Ŝi deklaris aŭtoritate per forta kaj neŝancelebla voĉo:

— Dekses infanojn, sinjor' pastro! Dekkvin de mia edzo!

Kaj *Rabot* ekridetis pli forte, salutante per la frunto. Li faris dekkvin el ili, li, li tutsola, *Rabot!* Lia edzino tion konfesis! Do, oni ne povas dubi pri tio. Kaj li estis pro tio fiera, certe!

De kiu estis la deksesa? Ŝi ne diris tion. Estis la unua, eble? Oni eble sciis tion, ĉar neniu miris. Eĉ *Caniveau* restis indiferenta.

Sed *Belhomme* ekĝemis:

— Ho! njô... njô... njô... ĝi trafosas en la fundo... Ho! mizero!...

La veturilo haltis ĉe la trinkejo *Polyte*. La pastro diris: — Se oni verŝus iom da akvo en vian orelon, oni eble elirigus ĝin. Ĉu vi volas provi?

— Certe! mi tre volas.

Kaj ĉiuj malsupreniris por ĉeesti la operacion.

La pastro petis lavovazon, tualettukon kaj glason da akvo; kaj li komisiis la instruiston teni klinita la kapon de la paciento; poste, tuj kiam la akvo estos penetrinta en la orelkanalon, renversi ĝin subite.

Sed *Caniveau* kiu jam rigardis en la orelon de *Belhomme* por vidi ĉu li ne malkovrus nudokule la beston, ekkriis:

— Mil tondroj, kia marmelado! Necesas malŝtopi tion, kamarado mia! Neniam via kuniklo eliros el tiu konfitaĵo. Li gluigus tie siajn kvar krurojn!

La pastro ankaŭ ekzamenis la trairejon kaj konstatis ke ĝi estas tro mallarĝa kaj tro kotumita por provi la elpelon de la besto. Estis la instruisto, kiu malembarasigis tiun vojon pere de alumeto kaj ĉifono. Tiam, meze de ĝenerala korpremego, la pastro verŝis en la purigitan kondukilon duonglason da akvo kiu fluis sur la vizaĝo, en la haroj kaj sur la kolo de *Belhomme*. Poste la instruisto renversis rapide la kapon super la lavovazo, kvazaŭ li volus ĝin malŝraŭbi. Kelkaj gutoj falis en la blankan vazon. Ĉiuj vojaĝantoj rapidege rigardis. Nenia besto estis elirinta.

Tamen, ĉar *Belhomme* deklaris: „Mi sentas nenion plu", la pastro triumfante ekkriis: „Certe ĝi dronis". Ĉiuj estis kontentaj. Oni ree instalis sin en la veturilo.

Sed apenaŭ ĝi ree ekvojiris, *Belhomme* eligis terurajn kriojn. La besto estis vekiĝinta kaj fariĝis furioza. Li eĉ certigis ke nun ĝi eniris en lian kapon, kaj ke ĝi manĝegas lian cerbaĵon. Li kriegis kun tiaj tordiĝoj ke, kredante lin posedata de lia diablo, la edzino de *Poiret* ekploris farante la signon de l' Kruco. Poste, kiam la doloro iom jam kvietiĝis, la malsanulo rakontis ke ĝi rondiris sian orelon. Li imitis perfingre la movojn de la besto, ŝajnis ĝin vidi kaj ĝin sekvi per la rigardo: „Nu, jen ĝi ree suprengrimpas... njô... njô... njô... kia mizero!"

*Caniveau* senpacienciĝis.

— Estas la akvo, kiu ĝin rabiigis, tiun beston. Eble ĝi estas kutimiĝinta al vino. — Oni ekridis ree. Li rediris: „Kiam ni alvenos al la trinkejo *Bourbeux,* donu al ĝi brandon kaj ĝi ne plu moviĝos, pri tio mi certigas vin".

Sed *Belhomme* ne plu povis elteni la doloron. Li ekkriis kvazaŭ oni elŝirus lian animon. La pastro devis apogi lian kapon. Oni petis *Césaire Horlaville* halti ĉe la unua trafota domo.

Estis farmo ĉe la flanko de la vojo.

*Belhomme* estis tien transportita; poste oni kuŝigis lin sur la kuireja tablo por rekomenci la operacion. *Caniveau* ĉiam konsilis miksi brandon kun akvo, por ebriigi kaj endormigi, eĉ eble mortigi la beston. Sed la pastro preferis vinagron.

Tiun ĉi fojon oni verŝis la miksaĵon guton post guto por ke ĝi penetru ĝis la fundo, poste oni lasis ĝin dum kelkaj minutoj en la loĝata organo.

Oni alportis ree lavovazon kaj *Belhomme* estis en unu peco transturnita de la pastro kaj *Caniveau*, de la du kolosoj, dum la instruisto fingre frapadis sur la sana orelo por bone malplenigi la alian.

Ankaŭ *Césaire Horlaville* mem estis enirinta, kun lia vipo en la mano, por vidi.

Kaj subite oni ekvidis funde de la lavovazo brunan punkteton, ne pli dikan ol bulba semo.

Tamen tio moviĝis. Estis pulo! Miraj krioj, poste eksplodaj ridoj aŭdiĝis. Pulo! Ha! Kiel amuze! Kiel amuze! *Caniveau* manfrapis sur siajn femurojn, *Césaire Horlaville* klakigis sian vipon; la pastro ridegis simile al blekanta azeno, la instruisto ridis kiel oni ternas, kaj la du virinoj eligis gajajn krietojn similajn al kokinoj klukantaj.

*Belhomme* sidinte sur la tablo kaj preninte la lavovazon sur siajn genuojn rigardadis, kun serioza atento kaj gaja kolero en la okuloj, la venkitan besteton kiu rondiris en sia akvoguto.

Li gruntis: „Jen ci estas abomenaĵo" kaj li kraĉis sur ĝin.

La veturigisto freneze gaje ripetis: „Pulo! pulo! Ha! jen ci estas, diabla puleto, diabla puleto! diabla puleto!".

Poste iom kvietiĝinte li kriis: „Nu! ni iru! Jen sufiĉe da tempo perdita".

Kaj la vojaĝantoj ankoraŭ ridantaj iris al la veturilo.

Tamen *Belhomme,* veninte la lasta, deklaris: „Mi, mi reiras al *Criquetot.* Mi havas nenion por fari en *Havre* nun".

La veturigisto diris al li: — Estas egale, pagu vian veturon!

— Mi ŝuldas al vi nur la duonon, ĉar mi ne preteriris la duondistancon.

— Vi ŝuldas ĉion, ĉar vi rezervis vian lokon ĝis la fino.

Komenciĝis disputo kiu baldaŭ fariĝis furioza kverelo: *Belhomme* ĵuris ke li donos nur dudek soldojn, *Cesaire Horlaville* certigis ke li ricevos kvardek.

Kaj ili kriis, nazo kontraŭ nazo, okuloj antaŭ okuloj.

*Caniveau* malsupreniris.

— Unue vi ŝuldas kvardek soldojn al la pastro, vi aŭdas? poste glason al ĉiuj, tio estas kvindek-kvin, kaj poste vi donos dudek al *Césaire.* Ĉu vi konsentas, ruzulo?

La veturigisto, feliĉega ke *Belhomme* elpagos tri frankojn sepdek-kvin centimojn, respondis:

— Konsentite!

— Nu pagu!

— Mi ne pagos. Unue, la pastro ne estas kuracisto...

— Se vi ne pagos, mi remetos vin en la veturilon de *Césaire* kaj mi forportos vin al *Havre.*

Kaj la koloso, kaptinte *Belhomme* ĉe la talio, suprenlevis lin kvazaŭ li estus infano.

La alia vidis ke necesos rezigni. Li eltiris sian monsaketon kaj pagis.

Poste la veturilo revojiris al *Havre,* dum *Belhomme* reiris al *Criquetot,* kaj ĉiuj vojaĝantoj, nun senparolaj, rigardis sur la blanka vojo la bluan kitelon de la kamparano balanciĝanta sur siaj longaj kruroj.

El la franca: R. RICHEZ (Genève)

## EL LA REVUO "PLI REV' OL VERO"

(Ludita la 21an de novembro en la kabaredo "Verda Kato", Parizo)

Diogeno kun sia lanterno, ne plu serĉas homon, sed . . . Esperantiston! Li pretendas, ke Esperanto en la iama vera senco ne plu estas trovebla kaj daŭrigas:

Ho, nur junul' sensperta kaj preskaŭ nur infan',
De l' sorto frufrapita naiva homaran'
Revadis pri feliĉo, pri amo reciproka,
Dum sangis lia koro en urbo Bjalistoka.
Sufera atestanto tro frue de progrom',
Vekiĝis en infano jam voloforta hom',
Kaj li ofere faris la ilon de l' kompreno
El sia propra koro, el amo kaj ĉagreno.
Kaj multvalora kerno sin kaŝis sub la ŝel',
„Interna la ideo" — jen estis la juvel'!
Magie ĝi ekbrilis, kun forto de mistero
Komencis la miraklon de Paco sur la tero.
Sed ve! — Forpasis jaroj — arĝenta jubileo —
Plenvive pulsas lingvo — sed velkas jam l' ideo . . .
Kaj vane fuŝpoetoj pri ĝi banale rimas,
Per vortoj ĝi ne vivos, almenaŭ mi ĝin timas!
Kaj ruzaj praktikuloj ne plu bezonas ĝin,
Do mortu la Ideo laŭ plaĉo de l' destin'!
Ĝi estis utopio . . . infana nur afero,
Kaj pli agrable tintas la sono de monero!

Jes, prave, ho filistro, vi turnu tiun paĝon,
Daŭrigu kun profito disvendi plu fromaĝon!
En arta skatoleto kun Esperanta moto
Ĝi tra la mondo iros ĝis ĉe la Hotentoto.
Ĉu ne, Esperantisto, mi ŝparu la rimarkojn,
Vi tamen nur blindflanke kolektos poŝtajn markojn,
Vi tamen amindumos, senriske, sendanĝere,
Kun ĉarma fremdulino, poŝtkarte aŭ letere,
Vi tamen reveturos al kiu ajn kongres'
Kaj ĝojos . . . se la balo finiĝas kun sukces'!
Vi kantos emocie kun plore pia sent'
La himnon de l' espero kaj de l' facila vent',
Konfuze vi remiksos la Homan Familion
Kaj pli profitan ismon kaj eĉ filatelion!
Kaj dum vi fanfaronos pri daŭra pac-spirito
Per osta pugno frapos rikane vin Milito!
Ĉar ke l' Esperantistoj por „paca la batalo"
Kuniĝas sub la ŝildo de l' Majstra Idealo,
Ke nun ankoraŭ kreskas rapide la afero,
Jam estas bedaŭrinde kaj ve! pli Rev' ol Vero!

RAYMOND SCHWARTZ

# EL LA POEMOJ DE HENRIK VISNAPUU

### LA ORFLAVA KANTO.*

Orflava estas park', orflava estas koro.
Du paŝoj en pereo ora.
Orflava estas voj', orflava estas koro,
Jen paro en pereo ora.

Jen paro en parolo ora,
La koro estas flava, oraŭtuna.
Du paŝoj dum parolo ora,
Du koroj en parolo oraŭtuna.

Parolas koroj du en ora sonĝo,
Diverse ambaŭ tiuj koroj flavas.
Jen mia kor' en sia ora sonĝo.
la via, jen, alikolore flavas.

Orflava estas park', faladas orfolioj,
Orpapilioj glitas teren.
Orflava estas voj', faladas orfolioj
Sur vojon. Ĉu maldekstren nun aŭ dekstren?

### JA RESTAS HOMO ĈIAM, ĈIAM NIA FRATO.**

Doloras la anim', ĉar fraton ni mortigas,
ĉar nigran teron ni per varma sang' ruĝigas.
Ja estas ĉiam hom' ankoraŭ nia frato.

La gorĝo brulas, min sufokas laŭta ploro:
ja profanitaj — miaj revoj kaj adoro.
Kio okazos? Hom' en kia besta stato?

Terura penso, ke mortigu sen kompato
ni fratojn, por ke ĉesu frata la malamo.
Ne batu, ho, ne trorapidu, mia koro!

Mortigi tamen devas ni, — ho, kia dramo! —
se ardas ili eĉ per sama nobla flamo
por ke la vivo estu bona, estu bela!

Memoru, hom' en kaĝ' mallarĝa kaj malhela,
ke erarante homo ĉiam frato restas,
ĉu estas ĉino li aŭ ĉu li ruso estas.

### ADMONO JE HUMILECO.*

Nun peka estas mond', malĉastas mondo,
Neata estas Di', la vivofonto.

Frenezas mondo en diboĉo pompa,
Ĝi dronas en orgi' seninterrompa.

De l'fratoj sango nun profanas teron,
Juveloj, oro tim-obeas feron.

Ho! stelinfanoj en dancado sklava!
Rikanas sun' vespera, ruĝeflava,

Kaj nokt' eterna verŝas jam mizeron,
Teruron sangan sur la hejman teron.

Ho! per ĉemiz' funebra ni nin vestu,
De nun malhonorsignoj sur ni restu!

Kaj iru ni humilaj kaj serenaj,
Dum vibras sonoriloj la solenaj,

En la solecon noktan, steloplenan.

* El la estona: Hilda Dresen.

### NE MORTIGU HOMON, VI!**

Nokte estis mortpafitaj 22 personoj.

Kia hont' kaj doloro!
Dum pace mi dormis, pendigis homon vi,
dum trankvile mi kuŝis, murdis homon vi,
traboriĝis la koro,

Kia hont' kaj doloro!
Kiel do kuŝiĝu, lasante homon, mi,
konsciante, ke ree pendigas homon vi,
traboriĝas la koro!

Kiel profet', — oratoro
mi laŭtvokos: ne mortigu homon, vi!
ne ĉesante vokados: gardu homon, vi!
Kia hont' kaj doloro!

Ho, malglor', malhonoro,
kiel ĝi humiligas min, se mortigas vi,
kiel do vin estimu mi, se mortigas vi,
se traboriĝas la koro!

Kia hont' kaj doloro!
Ĉu rajtas diri mi, murdu homon, vi?
Ĉu do aprobu mi, ke murdas homon vi,
traboriĝas la koro?

Pro fitrompo kaj frivolo
devas kruele murdi homon vi.
Sed scias mi: ne mortigu homon vi!
Kia hont' kaj doloro!

** El la estona: Helmi Dresen.

# DU ĈAPITROJ EL ORIGINALA ROMANO [1]

E. W. GULDEMONT

## LA MARBORDO

— Belege! — li ekkriis, starante je l' sekvinta mateno sur la balkono de sia ĉambro. Jen estis, kiel li estis deziranta, la nemezurebla elvido al la maro. La freŝeco de l' mateno, leviĝanta el tiuj verdaj ondoj, frapis liajn vangojn kiel bonfaro kaj surprizo. Kiu ne memoras pri tia mateno, kiam la sunradioj ekbrilas sur tiu senfina etendaĵo. La miloj da tremlumoj similis stelŝutaĵojn jus falintajn el ĝoja ĉielo. La malhela bruo de la ondoj ŝajnis al tio ĉi kontrasta, sed iom da juna vivĝojo kaj iom da fantaziplena espero ŝanĝis facile la sonon de tiu unutoneco en entuziasmon, tiel, ke la harmonio fariĝis perfekta. En *Gaston* trovis sin ĉiuj kondiĉoj por fari tiun ĉi unuan matenon ĉe marbordo momento de intensa vivĝojo. Li serĉis inter siaj libroj kaj prenis „La Ĉielo" de *Dante* por pasigi utile la fruan horon. En la akademio li ne havis tempon por studi multe da literaturo. Nur ĉefverkojn, kaj precipe de etika enhavo, li posedis. Sed la legadon prefere li prokrastis ĝis la libertempo, ĉar tiam la lernolibroj parte restis fermitaj. Kiel ĉiam ĉe bona libro, li baldaŭ estis dronanta en la enhavo kaj, antaŭ ol li konsciiĝis, du horoj jam estis pasintaj. Li subite leviĝis el la marbordseĝo por malsupreniri al matenmanĝo. Kelkaj tabletoj estis okupitaj kaj li sidiĝis apud la vitro, havanta la saman elvidon kiel lia ĉambro. Li ne atentis la personojn ĉirkaŭ si, sed lia rigardo fiksiĝis ree al la maro, kiu nun tute estis vekiĝinta, kaj sur kiu la lumo etendiĝis kun okullaciga forto. Nun li ekrigardis je infana voĉeto sonanta proksime de li: trijara knabineto saltetadis en la ĉambregon ĉe la mano de sinjorino proksimume tridekjara, kiun li, ne senatente, rigardis dum momento; ĉar vidante ŝin, venis al li la impreso: kiel rimarkinda eleganteco! — kaj poste: kiel gaja, afabla vivĝojo. Tio ĉi estis post la elvido de lia balkono la dua impreso de interesiĝo kaj entuziasmo. La duo, okaze, sidiĝis en lia proksimeco, tiel, ke li povis aŭdi ĉiun vorton de ili parolatan. Ili ŝajnis francinoj, pri kio li sciiĝis precipe per la infano, kiu preskaŭ ne komprenis la holandan lingvon. La patrino, kio ŝi baldaŭ montriĝis esti, uzis tre bone tiun lingvon, ĉar ŝi plene komprenis la kelneron, kiu donis al ŝi klarigojn je ŝiaj demandoj pri la koncertoj kaj teatraĵoj en la mar-banloko. Kiam tiu ĉi ĉe la pago demandis ŝin pri la numero de ŝia ĉambro kaj ŝi respondis: 32, Gaston ekrigardis kun skueto, kiun li mem ne rimarkis kaj kiun li ankaŭ ne estus povinta klarigi, eĉ se li estus volinta. Lia ĉambro estis: 33.

Li eliris kaj elektis en la trankvila parto de la marbordo seĝon, tute proksime al maro, tiel, ke li nenion vidis el la multa vizitantaro, kaj distris sian atenton en la ondoj. Tiu malagemo, li pensis, estis permesata al li post la monatoj de l' senhalta laboro; kaj, kiel ofte okazas, la legaĵo de tiu mateno revenis al lia spirito en sia sencplena esenco, kaj el ĝia beleco altleviĝis Beatrico en sia ĉiela brilo kaj por kelkaj momentoj ŝi forŝovis en li la pensojn pri la knabino, pri kiu li hieraŭ, en la „Minstroom" [2] revadis; kaj la rozkolora tulrobo kaj la blanka puntaja fianĉinvesto ŝanĝiĝis en la blankbrilan spiritan veston per kiu Dante vestis sian plej altan virinan kreaĵon. Kiaj altegaj animoj devis esti tiuj, kiuj sukcesis drapi la teraĵojn per tia ĉiela vestaĵo — kiuj el la ordinaro faris altan majeston kaj el la kruda kerno disvolvis la floron de l' pura spiriteco. Aliaj verkistoj ofte faris ja la kontraŭon: ili tiris malsupren la plejalton. Sed tiun ĉi penson li forpelis: pri la malnoblo oni ne devas pripensi; tio ne donas ĝojon, sed embarason kaj suferon. Lia onklino prave malkonsilis al li legi la teruran verkaron de Freud. Li nur enrigardis ĝin por kompreni, ke ŝiaj vortoj pri tio estis ĝustaj.

Liaj pensoj denove estis dispelitaj per la voĉo de la franca infaneto. Li turnis la kapon kaj vidis ŝin irantan al la maro, nun ne ĉe la mano de la patrino, sed de iu alia, — kiel li baldaŭ eksciis —, de la vartistino. La infano estis nudpieda kun nudaj genuetoj kaj kun malkovrita kapeto, ĉirkaŭ kiu la blondaj bukloj moviĝis kiel viva kadreto. Paro da mire rigardantaj okuletoj fiksis el tiu kadreto la rigardanton, kiu okaze ekvidis la beletan vivantan pupeton — kaj tiam oni kvazaŭ devis atente rigardi ŝin: la tuta eleganteco kaj ĉarmo de la patrino — jen la impreso, kiu eliris ankaŭ de la infano. Tion Gaston pripensis, sekvante la knabinon per la okuloj. Ŝi portis siteleton en sia mano, sed kiam ŝi kliniĝis por elĉerpi, la unuaj ondetoj ne nur fluadis sur ŝiajn piedetojn, sed pli granda ondo alfluis, kvazaŭ ĝi volus surŝuti kaj forpreni la tutan infanon. Ŝi krietis, kiel timigita, kaj la vartistino reiris kelkajn paŝojn kun ŝi, ĝis tute proksime al la seĝo de Gaston. „Venu Francinjo kaj ne timu" — ŝi diris. Estis en le sablo kavaĵeto, kiun ŝi elfosis plu kun la infano. Gaston alrigardis, ridetante je la ludo de la etulino. Kiam ŝi rimarkis, ke li alridis ŝin, ŝi alproksimiĝis kaj haltis, rigardante lin demande, altirita al li per la mistera fadeno de la afableco, kiu kelkfoje subite devolviĝas de la subkonscio. — *„Ne venez vous pas, monsieur?"* [3] — diris la buŝeto kun brilaj dentetoj. La vartistino faris senkulpigojn pri la infano: Estis la unua tago, ke ili estis ĉe la maro kaj la infano ne kutimiĝis ankoraŭ al la loko kaj al la fremduloj ĉirkaŭ si. Ŝi ŝajnis pri multaj aferoj mirigita kaj timema. „Lasu ŝin, mi petas", diris Gaston en franca lingvo, kiun paroli li trovis agrabla kun io tiel natura kaj por li plena de memoraĵoj, kiel tiu ĉi infana buŝeto. De kiam li estis en Holandio, li ne plu aŭdis tiel paroli lian lingvon, kvazaŭ ĝi nun estus veninta al li neatendite, per ventflugo, el la malproksima lando de *Compiègne*. Li pensis nevole al siaj propraj infanjaroj kaj al sia restado en franca banloko kaj poste al infanludoj en la ĝardeno de la gepatra bieno, kiu tuŝis la famekonatan arbaron de Compiègne. Kiel ondetoj superverŝis per ĝojo lian koron kaj memoron la infane kadencitaj vortoj de la babilado de Francinjo. — „Sinjoro ŝajnis franco" diris la vartistino, kiu devigis la infanon ke ŝi revenu al ŝi. Lia respondo estis aŭdata de la patrino, kiu subite ŝvebe alvenis, ĉar — pensis Gaston — tia aperaĵo ne marŝas, sed ŝvebas. En la sama momento la vartistino metis ŝian seĝon apud tiun de Gaston. Ŝi estis vidanta nur la infanon kaj la vartistinon kaj sidiĝis apud ili kun libro kaj brodaĵo. Nur nun ŝi rimarkis, ke Francinjo estis babilanta kun iu kaj ŝi respondis nun la saluton de Gaston, kiun ŝi rekonis de la mateno ĉe l' matenmanĝo. Ŝi ripetis, kvazaŭ ŝi volus senkulpigi la infanon, kion jam diris la vartistino. „Ŝi jam komprenas iomete la holandan, kvankam ŝi ankoraŭ ne parolas ĝin — diris sinjorino Desprez.

— Mi ankaŭ estas franco kaj ne tre longe en Holandio. Mi ĝojas, ke mi povas paroli mian lingvon kaj precipe aŭdi ĝin el infana buŝeto.

Eble la fremdulino, ne konanta lin, ne estus daŭriginta la interparolon, sed ĉiam denove la naiveco de la infano malobeis la etiketon kaj fine devigis

[1] El la interesa, Esperante verkita romano de la holanda verkistino ni publikigas la unuan kaj la duan ĉapitrojn de la dua parto.
[2] Nomo de domo.

[3] Ĉu vi ne venas, sinjoro?

ankaŭ la aliajn al tiu malobeo. Kaj dum la daŭro de tuta horo sinjorino Desprez tenis fermita sian libron kaj estis enprofundiĝinta en unu el tiaj interparoloj de unua konatiĝo, per kiuj neklarigebla simpatio povas esti la ponto al tre facila, ekspansia interŝanĝo de pensoj. Ili parolis pri Francio kaj pri la naskiĝloko de ili ambaŭ. Sinjorino Desprez estis el *Beauvais* en Norda Francio. Tie ŝia edzo estis bankdirektoro, ŝia sola fratino estis edziniĝinta en Holandio kaj ŝi mem loĝis tie ĉi ĉiun jaron longan tempon, kiel nun. Ŝi konis tre bone *Compiègne* kun ĝia bela arbaro, eble la plej bela en Francio, kaj la rigardo de Gaston naĝadis en ĝojego ĉe la pripentrado, kiun li aŭdis pri tiu regiono: pentraĵoj de memorado, la unu pli konata al li ol la alia kaj ĉiuj lin ĉirkaŭantaj kun ĉarmo, dum ili estis skizataj antaŭ liaj okuloj per la plej eleganta franca lingvo, kiun li iam aŭdis el virina buŝo.



Karlo Ferenczy: Jozefon vendas liaj fratoj

Almenaŭ tiel ŝajnis al li kaj li sentis sin devigata, li mem ne sciis kial, rakonti pri siaj vivcirkonstancoj, rilate kiujn li kutime estis tre silentema. Li rakontis al ŝi pri la kariero, kiun li elektis kaj pri la studofakoj, al kiuj tiu kondukis lin.

— Mi bedaŭras, ke mi ne povas paroli kun vi pri tio — ŝi diris ridante —, sed mi ne ŝatas la filozofion, ĉar mi ne havas cerbon por ĝi. Mia legado, escepte de la literaturo, ne valoras multe.

— Literaturo, por tiu mi havis ĝis nun malmultan tempon, kvankam mi tre ŝatas ĝin.

— Ĉu vi konas? — ŝi montris al li — *„Un crime d' amour“* de *Bourget* —, granda talento, belega stilisto, *Bourget.*

Li ne povis jesi, ĉar li ne konis la novan francan literaturon. Oni malpermesis ĝin al li en la gimnazio kaj lia onklino malkonsilis ĝin por la unua tempo. „Ekzistas tiom da bonaj kaj religiaj genioj ankaŭ inter la literatur-verkistoj, kial do legi la danĝerajn kaj malnoblajn?“ — oni diris al li.

— Mi prenis kun mi kelkajn verkojn. Se mi povos al vi fari plezuron . . . Ĉu vi restos longe?

— Mi ne scias, eble — mi, mi neniam eliras longan tempon, ne kunpreninte librojn. Hodiaŭ matene mi legis en la *„Divina Comedia“*.

Ŝi rigardis antaŭ sin, kvazaŭ honte, sed poste kun stranga rideto, kiu ŝajne volis diri; „Mi kredas, ke mi sidas tie ĉi apud juna senkulpulo — estas ĉarmo tiom pli granda.“

Ŝia rideto ne estis bela, sed li ankoraŭ nenion komprenis pri la miena kaj gesta lingvo de la pli aŭ malpli granda malvirto.

Se amiko estus dirinta al li: „estu tre singardema pri tiu virino“, — li, verŝajne, respondus lin per minaco de duelo, por defendi ŝian honoron. Li preskaŭ hontis sian senkonecon pri la legaĵoj, kiuj interesis ŝin kaj li tuj decidis eklegi ankaŭ en tiu ĉi direkto. Li rigardis sian poŝhorloĝon.

— Estas la dekdua — li diris, sin levante —, mi ricevos viziton de mia amiko hodiaŭ kaj, certe, la interparolo jam tro longe detenis vin de via legado. — Kaj li foriris sub impreso de ĉarmo, kiu venis kiel nova ondo al la impreso de entuziasmo, kiu jam matene trafis lin per la naturo.

Ŝajnis al li subite, kvazaŭ nevidebla mano transmetus lin el seka unuformeco en helan sunbrilon.

— Kiel ĝojegan aspekton vi havas — diris la amiko, kiu atendis lin sur la teraso de la hotelo — ŝajnas ke vi bone amuziĝas tie ĉi.

— Ho jes, tre bone! Kiel longe vi restos?

— Ĉu mi jam enuigas vin? Diru nur, la tramo haltas antaŭ la pordo.

— Ne, pardonu — diris Gaston ruĝiĝante —, tia ne estas mia intenco. Sed, ĉu vi havas pakaĵon?

— Ne, mi revojaĝos hodiaŭ vespere al Amsterdam.

Gaston ne diris: Mi bedaŭras. Por tio li estis tro sincera, sed lia ĝojo pri tiu ĉi renkonto ne estis plu tiel granda, kiel je la komenco de la tago, kiam li tre ĝojis pri ĝi.

Liaj pensoj ĉe ilia posttagmeza promenado tiel ofte elvojiĝis, ke lia amiko diris:

— Kio vin okupadas? Vi estas tute ŝanĝita.

Ili ne tagmanĝis en „Zeerust“ [4] kaj por la koncerto en la „Kurhaus“ estis tro malfrue, kiam ili revenis. Je la oka li iris al sia ĉambro, lace de la nekutima tago kaj momente nenion dezirante krom resti trankvila en la marbordseĝo sur sia balkono kaj fermi dum kelkaj minutoj la okulojn. Li estis laca, spiris profunde kaj dormis antaŭ ol li sciis. Kiam li vekiĝis, la kamenhorloĝo en la ĉambro sonigis la dekan. Li saltleviĝis, faris lumon kaj rigardis ĉirkaŭen: Sur la tablo kuŝis liaj libroj, kiel matene li lasis ilin. La *„Divina Comedia“* li ekvidis unue kaj preskaŭ li hontis, ke tiu ĉi estis la nura literatura verko inter ĉiuj tiuj „sekaj“ legaĵoj. Li neniam ankoraŭ nomis sian amatan libraron kun ĝia serioza kaj klera enhavo „seka“. Li sonorigis por teo kaj decidis resti tiun vesperon sur sia balkono. Kion fari? Revi — okupiĝo al kiu li neofte sin donis. Feliĉe, tiu posttagmezo estis pasinta. Tion li sentis, ke en la daŭro de tago, ne — de unu horo, io en lia interna vivo ŝanĝiĝis profunde, — ĝi estis renversita kiel la tero, tra kiu iris plugilo kaj en kiun semo estis ĵetita. Kaj li estus povinta diri kun la poeto:

— „Kion signifas: renkonti virinon, ŝin rigardi, al ŝi diri vorton kaj ne plu forgesi ŝin?“ [5]

Sed li ne konsciiĝis, li havis nek memoraĵojn, nek pasintaĵojn. Subite, per forta movado, la vivo, tiel

[4] nomo de hotelo

[5] De Musset

malmulte ankoraŭ de li konata, tuŝis lin en unu el la nekonsciaj partoj de lia animo kaj antaŭ ol li ĝin komprenis, li fariĝis ĝia viktimo. La plej ofta stato de la subite naskiĝanta amo estas la maldorma revo. Super personoj, laŭ naturo tre malmulte revemaj kaj poetaj, ĝi venas kiel nebulo, kiu neatendite leviĝas el kaŝita angulo de pejzaĝo kaj forprenas la radiadon al la kutimaj pensoj aŭ, ĉiuokaze, kolorigas ĝin.

Horo pasis kaj Gaston sidis semove, kun rigardo sur la maro, kiu fosforadis. Lia pensado fariĝis kvazaŭ songo; la lokon, kie li sidis hodiaŭ matene ĉe la marbordo, li vidis kiel malluman ombron, — sed la eta Francinjo estis tie, antaŭ liaj okuloj, kiel moviĝema punkto kaj la staturo de la patrino, blanke vestita, kiel gloro de tagiĝo, iluminita de la suno. Lia revo faris ŝin ŝvebanta, radianta bildo: la aspekto de ŝia nekomparebla eleganteco kaŭzis tion. La infano similis la patrinon, nur la haroj de sinjorino Desprez estis, kontraŭe al tiuj de Francinjo, malhelaj kiel la nokto. Al li faris plezuron, ke ŝia tualeto estis tiel simpla sen ia emo al koketeco: kvazaŭ la plej granda koketeco de bela virino ne povus esti ĝuste tia simpleco. Sed kion li ja sciis pri la pli profundaj impulsoj de la virina animo?

Kiam tiun matenon ĉe la marbordo li forlasis sian sidlokon kaj preterlasis la vartistinon kun la infano, kiuj jam trovis novan ludlokon, li aŭdis diri duonvoĉe la unuan: „Ree io nova, ĝi komenciĝos jam baldaŭ." Li ne sciis al kio rilatis tiuj vortoj, sed ili revenis kelkfoje en lian pensadon. Do ili faris impreson al li, kvankam li ne povis diri kion ili signifas. La kamenhorloĝo sonigis la dekduan kaj nun li opiniis, ke estas tempo por la noktripozo, ĉar oni ne devas pasigi dormante la matenojn tie ĉi ĉe la maro. Kiam li eniris, li vidis en la ĉambro apuda al la sia lumon; ankaŭ tie la balkonpordoj estis malfermitaj kaj la lumo brilis eksteren. Estis vere: ŝia ĉambro havis la numeron tridek-du, la lia tridek-tri. Ŝi do revenis de la koncerto. La saman tremeton, kiel hodiaŭ matene ĉe la matenmanĝo, li sentis nun ĉe la subita rimarko, ke ŝi loĝas tie, tute apud li. Ankaŭ el sia lito li povis vidi la fosforadon de la maro kaj tiu ĉi vidaĵo katenis lin tiel, ke li ne rimarkis, ke ankaŭ tie, apude, la lumo estis estingita kaj li ekdormis, lulite de la sirena kanto de la maro: la sirena kanto de la amo ankaŭ frapis lian koron kaj ĝi ankaŭ endormigis lian animon, sed por pli longe ol por kelkaj noktaj horoj...

## „L'AMOUR EST UN MYSTÈRE INEXPLICABLE".[6]

Kelkaj tagoj pasis — kaj baldaŭ fariĝis kutimo, ke, kiam Gaston ne eliris dum la vespero, la falinta duonlumo trovis lin sur la balkono en interparolado kun, aŭ ĉiuokaze en la societo de sinjorino Desprez. Du tagojn post la unua renkonto okazis, ke Francinjo, je tia horo, metis sian manon sur la maldensan barilon inter la du balkonoj kaj ekparolis al li. La patrino vokis ŝin, faris siajn senkulpigojn kun la sekvo, ke la vespero, post kiam la infano estis enlitigita, pasis kun interparoloj, kun daŭrigo de tiuj ĉe la marbordo. Gaston denove ne konsciiĝis pri tio ke li, kutime tiel silentema kun aliaj rilate al siaj propraj cirkonstancoj, nun superverŝiĝis en konfidemo, ellogita per ŝiaj demandoj kaj rimarkoj, apenaŭ rimarkeblaj por li. Tiun vesperon ŝi vidis etendita al sia fantazio lian tutan junan vivon, eksteran kaj internan: La infanon sur la genuoj de la patrino, la knabon inter la kamaradoj de la gimnazio, lian amon al la scienco, lian religion forlasitan, la ĉarman ĉirkaŭaĵon de la „Minstroom" kaj de „Duivelstein"[7] kaj en la fono la nuran figuron, kiu ŝajnis al ŝi nesimpatia: la kun tiel granda amo skizitan posedantinon de tiuj nomitaj domoj, la adopt-patrinon.

[6] La amo estas mistero neklarigebla.
[7] Domoj.

Ŝi ne sciis kial, dum ŝi aŭdis paroli lin pri tiu ĉi, subite ombro falis sur la pripentradon, sekvatan de ŝi kun tia interesiĝo: ŝi estas certe malafabla, malgracia virino, ŝi pensis, kiu loĝas tie nur kun verkoj de filozofio, moralo kaj kiaj sekaj, malagrablaj aferoj ankoraŭ! Tio estas ja por timigi iun, kaj ŝajne li ŝatis esti en tiu ĉirkaŭaĵo, eĉ, al ŝi ŝajnis ke li trovis sian plej amatan hejmon tie, ĉe tia parencino, kaj certe sub la senĉesa kontrolo de du okulvitrumitaj okuloj, al kiu nenio pasis nerimarkite, nek faldo en lia vestaĵo, nek faldo en lia animo, brr!... Ŝi preskaŭ tremetis, dum ŝiaj pensoj kvazaŭ trude pentris al ŝi tiun neelporteblan personon de la „Minstroom"[8] — „Minstroom" kaj tia virino, kiel ili povis esti kune? — irantan al alia mondo kun nemezurebla maro inter si kaj la ĉarma juna aperaĵo tie ĉi antaŭ ŝiaj okuloj. Ŝi sentetis ke tiu virino tie devas havi falkokulojn, kiuj sekvas lin, kien ajn li iras — kaj kiuj forigos ŝin, sinjorinon Desprez, de la bela peco da tero, kiun li skizis al ŝi.

— Nu — ŝi diris al li — mi havas ankaŭ tie ĉi fotografaĵojn de nia domo kaj ĝardeno kaj de la ĉirkaŭaĵoj de nia urbo; kaj plue vidaĵojn el la arbaro de *Compiègne*, kiujn eble vi konas. Ŝi serĉis kaj metis ilin sur la tableton, kiu staris sur la balkono inter du marbordseĝoj.

— Venu tien ĉi, kaj vi povos vidi pli facile. Venu en mian ĉambron tra la koridoro.

— Ne, tiel la vojo estas pli mallonga, se vi permesas — kaj per salto li transpaŝis la balustradon kaj estis sidanta ĉe la tableto, rigardanta la fotografaĵojn, sufiĉe lumigitajn el la ĉambro. Oni frapis; la kelnero alportis la teon. Gaston leviĝis kaj volis reiri.

— Kial? — ŝi demandis mirigite.

— Por... por... ne kompromiti vin, — li diris mallaŭte kun profunda timemo. Ŝi ridis:

— Por tio, kion kelnero pensos? Li ne pensas pri alia ol pri sia trinkmono, kaj cetere, se oni ĉiam devus sin ĝeni pro kelneroj aŭ hotelgastoj!

— Nu, — li diris, — repreninte sian sidlokon kaj diris kelkajn vortojn kiel senkulpigon pri sia, kiel ŝajnis al li, nedeca rimarko.

Depost tiu tempo ili ofte eliris kune vespere — ankaŭ al teatraĵoj kaj koncertoj. Ŝi trovis en tio ĉi nenion maldecan, ŝi diris; kial do estus trovinta *li?* Eble ŝi rigardis lin kiel infanon; ŝi, ja, diris al li, ke ŝi estas tridek-kvinjara kaj ŝia edzo kvardekjara. Ŝi ofte elparolis la nomon de sia edzo: Li ne konjektis ke per tio ŝi volis kaŝi siajn intencojn kaj sian inklinon. Iun vesperon ŝi estis ricevinta leteron de sia edzo, kaj ŝi rakontis al Gaston, ke li tre deziras ŝian revenon en Francion — sed, ŝi aldonis profundspire, ŝi abomenas tiun reiron. Kiam ŝi rimarkis, ke Gaston ŝin rigardas mire kaj demande, ŝi mallaŭte diris kun mallevitaj okuloj, kvazaŭ ŝi volus al li konfidi malĝojan sekreton: — „Mia edzeco ne estas feliĉa, ne, ĝi estas tre malfeliĉa, sed li ne volas mian liberon — alie, mi restus kun la infano en Holandio, tre certe.

Ŝi parolis tiel decide, ke li tute ne estus dubinta pri la vero de ŝiaj vortoj — eĉ se li estus sentinta ombron de dubo pri ŝi mem — sed tion li ne sentis. Ŝia konfeso denove rompis iom tra la fremdeco inter ili. Lia inklino kolorigis sin per la kompato, unu el la plej fruktodonaj elementoj de jam ekzistanta amo.

— Ne malĝoju pri tio, — ŝi diris, vidante lian seriozan, mallevitan rigardon — alie mi bedaŭros, ke mi parolis pri tio. Oni kutimiĝas al ĉiu situacio kaj mi jam ne povas al mi imagi ion pli feliĉan rilate al mia vivo.

— Estus tre nenature, se mi ne malĝojus pri tio. Ĉu malfeliĉo de persono, tiel perfekta kaj bona kiel vi, lasus min netuŝita?

[8] Nomo de domo, kies signifo estas „amfluo".

— Mi bedaŭras, ke mi parolis pri ĝi, mi ne plu faros tion.

Li ne rimarkis, ke momenton poste ŝi diris kun brila rideto: Estas, mi kredas, jam tempo por la koncerto — ĉu ankoraŭ ni iros, aŭ ĉu vi preferas resti tie ĉi? Dek minutojn mi bezonas por mia vestado. Per salto li ree estis en sia ĉambro, por pretigi ankaŭ sin.

Li ne bezonis longe atendi ŝin. Ŝi estis ŝanĝinta sian helan gazan robon de tiu posttagmezo per unu el nigra silko — kaj, kvankam li ŝatis pli helajn vestaĵojn, li ankoraŭ ne vidis ŝin en vesto, kiu tiel frapante elmontris ŝian malhelan belecon. Ŝiaj grandaj nigraj okuloj ŝajnis al li pli belaj juveloj ol tiuj de ŝia ĉirkaŭkolo, — la grandan bukedon sur ŝia brusto li ne vidis, ĉar li rigardis admire al la ridetantaj lipoj kiuj, laŭ lia supozo, devus ravi skulptiston. Certe, tio sendube ne estis aspekto de malfeliĉa edzino. Sed, se kiu ajn estus povinta fari tiun ĉi rimarkon, do certe ne Gaston, kiu neniam supozis la malnoblon kaj precipe ne atendis ĝin tie ĉi. Post la sento de kompato sekvis, dum li sin vestadis, sento de ĝojo, mallaŭdita kaj repuŝita de li mem. Kaj, estis tiu ĉi sento, kiu klarigis al li lian propran inklinon. Lia denaska religia moralsento ne forgesis ĝis nun unu fakton, ke ŝi estis edzino. Nun, subite, ŝi ŝajnis libera virino, kiu pro sia malfeliĉo kaj pro la ne plu liganta edzeco povas aparteni al kiu ŝi volas.



Karlo Ferenczy: Ciganoj.

Tre klare ŝi komprenigis lin, ke estis la oftaj rompoj de edza fidelo, kiu malligis ŝian koron, ĉiam pli kaj pli, fine tute, de ŝia edzo.

— Ni iru — ŝi diris — sed estas jam preskaŭ tro malfrue.

Tiun ĉi vesperon la koro de Gaston ŝajnis per nova skuo forigita el siaj kutimaj sentoj. Ŝi estis tiel silentema ke ŝi, dum la paŭzo, ofte devis fari rimarkon, kiu apenaŭ ellogis respondon de li.

— Kiel bela estas la vespero, mi tre ŝatas fari mallongan promenadon, — ŝi diris ĉe la fino de la koncerto.

— Mi pensis la samon, sed mi ne kuraĝis proponi ĝin, ĉar jam estas tiel malfrue. Ĉu laŭlonge de la marbordo?

— Jes, bone.

Ili malsupreniris ĝis la maro, kie la tero estis sufiĉe malmola por ne lacigi la iradon. Ankoraŭ la interparolo liaflanke ne bone progresis, rilate al tiu ĉe vesperiĝo. Li marŝadis kun klinita kapo kiel sub la pezo de premantaj emocioj kaj pensoj. Li forgesis sian aĝon, sian situacion de juna studento; nenio okupadis lin krom tiu unu konsciiĝo, ke li devas doni apogon kaj helpon al tiu soleca virino. Ĉe kvieta stato tiu penso estus ŝajninta al li sensenca; sed li ne estis kvieta, li estis sub potenco, envolvita tuta per „la mistero neklarigebla de la amo". Eĉ lia fizika pensado ne estis klara, ĉar dum la paŭzoj li trinkis du glasojn da vino — kaj li ĝis nun sekvis, pro prirezonita inklino, la regulojn de l' abstinenculoj. Sed ŝi ŝatis malfortajn vinojn kaj likvorojn, kaj al li ŝajnis tre nature, ke li sekvas ŝian ekzemplon. Per la spertoj, kiujn ŝi posedis, ŝi konjektis kun preskaŭ nedubebla certeco la signifon kaj seriozecon de lia amo. Ŝi ekvidis lian fiksan rigardon kaj la nubon, kiu kuntiris la glatan frunton; kaj rapida rideto, — kiun li ne rimarkis, — venis kelkfoje sur ŝiajn lipojn.

— Ĉu ni ne marŝadas tro longtempe? — ŝi fine demandis. Li ektremetis kvazaŭ vekite el revo kaj rigardis sian poŝhorloĝon.

— Ni promenis duonhoron.

— Mi supozis, kaj mi sentas min iom laca.

— Mi bedaŭras: mi ne povas proponi al vi tie ĉi ripozlokon, se nur ni ne sidiĝos tie supre en la sablo.

— Mi trovas ke bone.

— Estis ŝia kutima respondo, kiam ŝi mem ellogis rimarkon.

Sidloko en la polva sablo tuj estis trovita. La malhela maro etendiĝis antaŭ ili, kantante sian eternan kanton, ŝanĝiĝantan laŭ la sentoj de la aŭskultanta koro. Tiu de sinjorino Desprez estis malserioza, kiel la dancanta ŝaŭmo sur la tufoj de la malgrandaj ondoj, kiuj ludante ruliĝis supren kaj malsupren, nur momente konservante sian moviĝeman formon; tiu de Gaston estis serioza kaj profunda kiel la maro mem. Li havis konscion, kvazaŭ jus li estus ĵurinta pri io je vivo aŭ morto. Nenia rideto sin montris sur lia vizaĝo: lia amo alprenis la plej noblan formon, je kiu amo kaj precipe pasio, povas inkliniĝi: tiun de la oferema agado.

Tion ĉi sinjorino Desprez ne komprenis; ŝi nur komprenis la vekiĝintan kaj rapide kreskantan pasion. Ŝiaj spertoj lernigis ŝin, kiel profunde tia sentado povas penetri en junan, senkulpan koron. Kaj ŝi ne trovis necesa instigi tion dum la unua tempo per siaj vortoj aŭ per sia sintenado. La flamo ĉerpos nutraĵon el propra fajro. Ĝis nun ŝi allogadis kaj alproksimiĝadis, nun sekvos la taktiko de silentado kaj de envolviĝado en la vualoj de l' sindeteno. Pli poste, laŭ la bezono, ŝi faligos tiujn vualojn unu post la alia: estas facila kaj certa agado; tiun ĉi zigzagvojeton de la glitanta kaj kaŝerigardanta serpenteto ŝi ne iradis la unuan fojon. Li parolis pri la muziko de tiu vespero, pri la legaĵo, kiun ŝi donis al li, kiu — li konsentis — estis tre bela kaj interesa. Li ĵus finis, tiun postagmezon, la ege admiratan romanon: „*Fort comme la mort*"[9] de Maupassant. Kiam ŝi ekparolis pri tio, li subite sentis ke ŝi ne estus povinta doni al li libron pli impresplenan. „Forta kiel la morto" tio certe estas la plej ĝusta kaj esenca priskribo de la vera amo. Tio ĉi certege faras ĝin mistero neklarigebla: forta kiel la morto, ligilo pri kies ekzisto antaŭ duo da semajnoj li ne povis havi eĉ imagon. Ŝajnis al li nun ke estus pli facile morti ol rompi tiun ĉi ligilon. Kio do estas tiu ĉi miriga inklino, tiu ĉi misteraĵo, kiu sola povas

[9] „Forta kiel la morto."

laŭ potenco konkuri kun la morto! Li rigardis la virinon apud si kaj pensis al la amantino el la libro de Maupassant. Ne estante kutimiĝinta al tiaj legaĵoj, li preskaŭ bedaŭris ke li eklegis tiun ĉi ĉefverkon de arto, en kiu li ne vidis momente la malnoblon, pro la formo kaj ankaŭ pro la malfeliĉa ĉefpersono, forlasita de sia amanto kaŭze de la kreskanta filineto, kiu heredis la belecon de la patrino kaj per tio forŝtelis al ŝi la amon de ŝia adoranto. Tiun malfidelan, egoistan *Bertin* li ne povis toleri. Li pensadis pri la eta Francinjo, kreskonta kiel belulino kaj pri la patrino, malproksimiĝonta pli kaj pli de la brila juna aĝo — ĉu li transportus sian amon sur la infanon? Ne, la amo kiel, korsento, kiel anima pasio, estas „forta kiel la morto", ne amo voluptema. Tiu ĉi eble estas por pli malaltaj karakteroj, sed kun tiuj li volis havi nenion komunan. Kaj tiel pensante, li rigardis la patrinon kaj liaj pensoj promesis al ŝi senfinan fidelon, pli fortan ol la morto. Ŝi malbutonumis sian vespermantelon kaj la odoro de la floroj sur ŝia brusto venis al li kaj kreskigis lian korpreman senton. La maldensa silko de ŝia jupo kuŝis, sen tio ke li rimarkis, sur liaj genuoj. Li fermis sian surtuton sur la brusto, ĉar, male al ŝi, al li estis malvarme. Por preni pli facilan pozicion li apogis sian brakon en la sablon, tiamaniere alturniĝinte al ŝi, ke antaŭ ol li sciiĝis, la tuta ĉarmo de ŝia eksterajo venis al li potence, kiel la forta odoro, kiu supreniĝis el ŝiaj floroj. La pala brileto de ŝia brako vidiĝis pli forte pro la nigra puntaĵo de la mallonga maniko, kiu, ligita al rubando de veluro, sterniĝinte pendis en la sablo. La oro de ŝia braceleto brilis tra tiu ĉi puntaĵo kiel la sumo tra la nebulo kaj ĉe ŝiaj fingroj la juveloj brilegis kiel akvogutoj sur lilio. Sur la karbenigra hararo ŝajnis semitaj same tiaj ŝtoniĝintaj gutoj. Ŝi tre bone sentis, ke ŝi estis kaptinta lin sub la malpezan gazan vualon de ŝiaj kaŝitaj intencoj. Li profunde ekspiris, ŝi ne ŝajnis atenti pri tio — la araneo de ŝia atento sin tenis senmove en sia ŝpinaĵo — ŝajnis ke ĝi estas morta, sed ĝi ŝtelrigardis sian duonkonscian viktimon kun la preparita mortiga veneno. „Rakontu ion", ŝi diris siajn kutimajn vortojn, kiam la viktimo fariĝis silenta sub tiu kaŝita potenco, sub tiu „mistero neklarigebla" pri kiu ŝi konis ĉiujn nuancojn kaj eblojon. Lia respondo denove estis ĝemspiro, kiu ŝajnis veni el la malproksima lando de la anima mistero. Ŝi rigardis lin, ridetante; li ektremis: Tiu buŝo, tiu rido, ili estros lin, kiel potenca impreso de la sentoj kiuj nun subite ekflamis en li. La nobla sento de kompato, kiu tiun vesperon ĝis nun posedis lin, estis forpuŝita de alia, malpli nobla: li fariĝis viktimo de ampasio ĝis nun nekonata al li. Li sentis, ke li preskaŭ faris sensencaĵon, t. e.: li preskaŭ respondis al ŝia diro „rakontu ion": „kion do ankoraŭ mi povos diri, se ne tion: ke de kiam mi estas en tiu ĉi banloko, mi ne estas plu mi mem, ke mia tuta animo estas kvazaŭ renversita; ke ĉiun tagon, ĉiun horon mia koro pli kaj pli perdiĝas por ĉirkaŭvolvi kaj trakreski kun ĉiuj siaj fibroj tiun nuran objekton sur la tero, vian koron! Kion do mi povos plu diri escepte de tio, ke miaj pensoj ne entenas alion krom vi; miaj rigardoj serĉas nenion plu krom vi; miaj piedoj sin movas, kiel en revo, tien, kie vi estas. Kie do mi serĉos la vortojn, kiuj ne esprimas tion? Se mi nur kuraĝus meti mian manon sur la vian, por ne plu delasi ĝin, mian buŝon — li ektremis ĉe tiu penso — tuŝigi al la via por ricevi per la kiso de tiuj belegaj lipoj la respondon, kiun mi deziras, kiun mia koro volas de vi: ke vi ankaŭ donu al mi vian amon! Se mi povus, se mi kuraĝus..." — li rigardis la belegan briletadon de la dentoj kaj li pensis al poemeto de Sully Prudhomme hieraŭ legita, el kiu li nun memoris la vortojn:

> Comment fais tu les grands amours
> Petite ligne de la bouche? [10]

— Ni reiru — ŝi diris, leviĝante kaj fermante sian mantelon — estas varme, kiam oni marŝadas, sed oni baldaŭ malvarmiĝas. La noktaero fariĝas tro freŝa; mi supozas, ke ne estas malproksime la noktmezo.

Li ankoraŭ ne movis sin, eltiris nun malrapide sian poŝhorloĝon: Kvarono antaŭ noktmezo. Li pensis: li povus sidi tie ĝis la komenco de la tago, ne farante alian ol — responde al ŝia demando „rakontu ion" — silenti kaj alterne rigardi ŝin kaj mallevi la okulojn kaj ŝajnis al li, ke paradizo de oraj fruktoj kaj ardaj rozoj ĉirkaŭas lin, lin kaj ŝin — kaj forviŝis la memorojn de ĉiuj aliaj aferoj. Li kaj ŝi — ŝi kaj li — kio do ekzistas pli sur la tero! Ho, mistero neklarigebla de la amo, enkarceriganta la tutan konscion per tiu du-unueco: nenio pli ekster ĝi, ĉio en tiu mallarĝa cirklo. Kial tiu ĉi virino kaj ne alia? Kial tiuj ĉi ŝultroj, tiu ĉi mano, tiuj ĉi okuloj? — Mistero! — Ĉu iu povas klarigi tiun ĉi sekreton, prirezonadi ĝin? — li pensis. Oni ne parolas, ne priskribas, oni nur sentas: ne la sencon de la vortoj, sed ilian sonon, ne la esprimon de la okuloj, sed ilian flamon, ne la koloron de la haroj, sed ilian elokventecon; ne la formon de la mano, sed ĝian fizionomion, kiel de nenia alia mano, ne la tutan personaĵon, sed la mirindan kaj neklarigeblan multediron de ĝia proksimeco. Kaj oni ne parolas, ĉar tiu ĉi mistero, precipe en la komenco, estas silentema.

Ĝia malsoneco estas profunda kaj elokventa kiel ĝia fonto. Kion signifas tie la vortoj, oni



Béla Iványi Grünvald: Inter montoj

[10] „Kiel vi faras la grandajn amojn, malgranda linio de la buŝo!"

komprenas kaj estas konprenata sen tiuj ĉi. Oni scias sen aŭskulto; oni klarigas sen parolo. Ĉiu movo, ĉiu rigardo ja estas tie ĉi lingvo: la singarda timemo, la sentema kaj serĉanta intimeco; la forfluantaj kaj alfluantaj sentoj de espero kaj dubo; la en ĝojo eksplodanta certeco kaj nemotivita timo: la tuta ludo de lumo kaj duonlumo, naskiĝintaj en la animo, ĉio ĉi estas la potenca kaj de ĉiu konata lingvo de tiu ĉi mistero en sia unua stadio. Bruyère parolas pri la proksimo de personoj, kiuj estas al ni karaj, tiel: „Esti kun tiuj kiujn ni amas, tio sufiĉas. Revi: paroli al ili; ne paroli al ili; pensi al aferoj indiferentaj sed apud ili, ĉio ĉi estas egala". Tiel sentis ankaŭ Gaston: apud ŝi tie estis lia nova mondo, lia ŝanĝiĝinta universo.

Silente li premis al si ŝian manon ĉe ŝia ĉambropordo, kaj flustris kelkajn vortojn de danko kiujn ŝi ne bone aŭdis. Silente ŝi englitis por ne veki en la apuda duonfermita ĉambro la infanon kaj la vartistinon. Kiam ŝi fermis la balkonpordojn kaj vidis la lumon en la ĉambro de Gaston, ŝi diris kun rideto, ankoraŭ ne tute foriĝinta: Vi amas min, kara senkulpulo kaj mi vin adoras!

# MODERNAJ ROBINZONOJ

TEODORO SCHWARTZ

(Daŭrigo — 6)

VII. ĈAPITRO.

## La persekuto.

Tiu ĉi ĉapitro pruvas, ke kelkfoje estas agrable se oni estas persekutata.

Ni atingis la transan bordon. Tiu ĉi rezultato, rilate, estis ja nur bagatelo sed por ni ĝi signifis tre multe. Ni pli optimiste prijuĝis nian aventuran entreprenon. Kelkfoje ni havis vere bonan humoron. Agrable estis vespere, kiam ni ripozis en la tendo. Meze brulis freŝaj branĉetoj por defendi nin kontraŭ la kuloj. Ni kuŝis kun fermitaj okuloj sur la herblito kaj ni diskutis aŭ diris spritaĵojn aŭ la idealista advokato faris grandan paroladon pri la valoro de la vivo, aŭ pri la mekanika kaj spirita percepto de l' mondo. Ŝajnis al ni, ke ankaŭ la praarbaro havas pli belan aspekton. Ĉie arboj, arbegoj, arbetoj en ĉiuj nuancoj de l' verda koloro. La potencan vivkapablon de la naturo montris la titanaj arboj, kiuj depost centoj da jaroj vivas kaj kreskas tie ĉi.

La pompon de la naturo iom kontrastis la simpleco de la ĉiutaga nutraĵo. Ni manĝis plejparte nur sekigitajn, salitajn fiŝojn kaj panon. Sed iun matenon faris grandan malkovron nia agronomo.

— Vidu kion mi trovis — kriis li kun entuziasmo. Li trovis morusojn, kiuj postrestis de la pasinta jaro sub la folifalaĵo. Ni jam tre longe ne gustumis fruktojn kaj la acideco de la fruktoj bonege gustis al ni. Do granda estis la ĝojo, kiam estis komandite: kolekti morusojn por la komuna kuirejo. Tiu ĉi laboro estis sendube pli facila, ol la segado aŭ branĉkolektado.

Dum la moruskolektado malĝoje ĝemspiris la studento: „Kiel bedaŭrinde, ke la agronomo ne trovis ankaŭ sukeron kaj grason!" kaj li plenbuŝe glutis la acidajn fruktojn.

Tiu ĉi epizodo ne influis la gravan taskon: la vojfaradon. Ni laboris 11-12 horojn po tago. Jam je la kvara horo matene la noktgardanto vekis nin kaj vespere je la deka ni povis kuŝiĝi. Ĉiu tago portis novan zorgon. Ne estas infanaĵo la irebligo de marĉo. Ni metis palison post paliso, kaj sur la palisaro ni iris malrapide antaŭen kun niaj ĉaroj. Kaj kiu ne provis, tiu certe ne kredas, kiel malfacile estas jungi ĉevalojn. Multajn el ni malagrable surprizis, kian lertecon, elpensemon kaj kiom da artifikoj oni bezonas por tio. La plej diversaj rimenoj, ŝnuroj pendis de la jungilaro kaj malbone ligi ilin havis tute neatenditajn sekvojn. Ĉiam okazis io malagrabla. Kaj se la ŝnuroj estis bone ligitaj, certe la rado saltis for de l' akso, ĉar la radnajlo ne eltenis la premon de la ŝarĝo.

La ĉevaloj vivis en granda honoro, kaj pli bone estis ne naskiĝi al tiu homo, kies malzorgemo kaŭzis eble piedrompon aŭ dorsvundon al iu ĉevalo.

Tagon post tago pli neeltenebla fariĝis nia vivo pro la muŝoj kaj kuloj. Ĉiu horo havis sian specialan muŝspecon. Antaŭtagmeze kaj nokte ĉefe kuloj, tagmeze muŝegoj, postagmeze muŝetaro. Kaj ili ekzistis en nekalkulebla kvanto. Kelkfoje ili atakis nin vere furioze, kaj ni vane defendis nin, niaj buŝo kaj okuloj estis plenaj de ili. Kulretojn ni ne havis kaj la memfaritaj tukoj ne defendis nin sufiĉe. Pro la pikoj, niaj kapoj aspektis kelkfoje kvazaŭ kukurboj. La ĉevaloj suferis ankoraŭ pli multe ol la homoj. Per konstanta gestado ni peladis la muŝaron, kiu suĉis nian sangon, sed niaj malfeliĉaj ĉevaloj estis senhelpaj, ĉar ilia vosto ne povis forpeli la milionojn da muŝoj kaj kuloj. La grizkolora ĉevalo estis tute nigra, tiel ĝian korpon kovris la kuloj kaj la sursekiĝinta sango. Ĉe ĉiu ripozado, tuj post la halto, ni faris grandan brulŝtiparon, kaj per la fumo ni provis defendi la ĉevalojn.

Ankaŭ la prudentaj ĉevaloj sentis la bonefikon de la fumo kaj ili preskaŭ bruligis siajn kapojn, tiel ili proksimiĝis al la fajro.

Ni volis fini la entreprenitan laboron kiel eble plej rapide, ĉar ni timis, ke venos la vintro kaj nia plano neebliĝos. Ni faris la vojon en tiu direkto, kie la arboj kreskis maldense. La fundo estis malegala. Sur monto: abrupta pro ŝtonoj, en valo: droniga pro marĉo. Ĉefe la marĉoj malhelpis nian antaŭeniradon, kaj malgraŭ niaj fortostreĉoj ni faris potage nur 4—5 verstojn. Nia devo estis „fari irebla" la vojon. „Fari irebla", tiu ĉi esprimo estas tre elasta. Tiel jam la dekunuan tagon ni opiniis, ke la laboro estas finita. Ni raportis tion al la rusa „desjatnik" (laborgvidanto) kaj — ĉar en Ruslando en ĉiu okazo estas kutime peti ion — ni petis nutraĵojn kaj vestaĵojn.

— Ho, ĉu vi vere opinias, ke la vojo estas preta? Ne ĉaroj, sed eĉ ĉevaloj ne povas iri sur tiu ĉi vojo! — li kontraŭdiris.

— Ni laboris multege, kaj niaj veturiloj transvenis. Se niaj ĉaroj transvenis, do aliaj same bone transvenos — estis nia respondo.

Fine la laborgvidanto diris, ke li raportas ĉion al la komandantaro, sed li ne kredas je nia forpermeso.

Ni jam spertis kelkfoje, kion signifas raporto. Novajn traktaĵojn, novan prokraston kaj novan tempoperdon, eble kelkajn monatojn.

Kelkaj el ni estis ekstreme ekscititaj, aŭdinte la aferon.

— Mi ĉiam diris, ke la rusoj trompis kaj trompos nin! — diris la estinta lakeo.

— Ni estus devintaj forlasi ilin jam antaŭlonge, sed niaj „sinjoroj" nin ĉiam malbone influis — kriis Grandbuŝulo.

Ni ne havis multe por perdi. Ni kalkulis niajn havaĵojn kaj decidis. Ni havis kvar sakojn da pano, kelkajn pudojn da riso kaj kaĉo, unu pudon da salo. Kiel rezervo povis servi niaj ĉevaloj, kaj ni certe trovos bestojn, fiŝojn en la praarbaro. 60 funtoj da nutraĵo estis kalkulataj por ĉiu persono, ŝpareme ĝi sufiĉas por unu kaj duonmonato. Ni havis ankaŭ 9 pafilojn, sufiĉon da diversaj hakiloj, segiloj, boriloj, ŝnuroj kaj aliaj instrumentoj. Kompason kaj akvoskizojn ni ankaŭ havis. Ŝanĝobjektoj, kiel najlo, alumeto, pafkugloj, mono estis je nia dispono.

Ni estis ĉiuj sanaj, vivemaj kaj ni decidis post mallonga pripenso — foriri sen permeso.

Du el ni prenis sur sin la taskon, rerajdi kaj rompi la komunikadon kun la mondo — tranĉi la metalfadenon. Ni ceteraj komencis labori kun febra rapideco. Ni ne volis kunporti la ĉarojn, anstataŭ ili ni fabrikis memkonstruitajn pakŝelojn. La vojaĝantoj dividiĝis en 10 grupojn. 2—3 homoj devis zorgi pri unu ĉevalo kaj helpi ĝin, se estos necese. Ĉiu havaĵo, kiu estis pakita sur la ĉevaloj, estis deklarita komuna propraĵo. Se iu portis sur sia dorso ion, tio estis lia privata afero.

Ankoraŭ ne krepuskis la mateno, kiam la senditoj ŝvitante revenis kaj ni, kiel granda karavano, ekiris. Ni fieriĝis, rigardante la bonsarĝitajn ĉevalojn, la zorgemajn homojn kaj la belajn arbojn, kiuj salutis nin per kapklinoj en la vento.

Trovi la vojdirekton estis tre simple. Ni iris apud la bordo de rivereto, kiu fluas en la riveron *Alekma*. Ni rapidis, tamen ni devis multfoje halti, ĉar haltsignalo, farita per pafo, estis aŭdebla. Jen ŝnuro malligiĝis, rimeno ŝiriĝis, jen iu selo ne estis en ordo kaj oni devis denove komenci la pakadon.

Apenaŭ ni iris ses horojn, kiam eksonis tri pafoj. Laŭ la konsento tri pafoj estis la danĝersignalo. Ni ĉiuj kuris — escepte Sepi kaj Dolfi, kiuj restis ĉe la ĉevaloj — en la direkto de la pafoj. En la densa arbaro kuri estis tre malfacile kaj ni kuris pene kaj lukte, kaj ne havante eĉ tempon por pripensi, kia danĝero minacas nin. Kiam ni alvenis, ni vidis nur ridetantajn, interbrakumantajn homojn, niajn kaj fremdajn.

Kio okazis? Kiel venis la fremduloj inter nin? Post kelkaj minutoj ĉio klariĝis. Kiam la partizankomandanto eksciis, ke ni foriris, li tuj ordonis al la kozakoj kiuj postenis ĉe la rivero ke ili persekutu nin, konfisku nian havaĵon. Sed la helpboato ne estis jam sur sia loko kaj nur 6 kozakoj sukcesis tranaĝi kun ĉevaloj la riveron. Inter ili estis tri, kiuj estis ruslandanoj kaj jam delonge sopiris hejmeniri iamaniere. Nun ŝajnis bona okazo. Ili anoncis sin por sekvi niajn postesignojn sed fakte ili volis atingi la patrolandon.

— Permesu — diris la plej maljuna, kies hararo pendis ĝis la okuloj — ke ni iru vian vojon, kaj ĉio, kion ni havas, estu ankaŭ la via!

— Hura! — ni kriis unuanime. — Vivu niaj kozakaj fratoj! — aldonis kelkaj kriante.

Granda feliĉo estis por ni la kozakoj. Tri bonaj ĉevaloj kaj pafiloj signifis grandan valoron, kvankam la stomakoj ankaŭ plimultiĝis.

Sed nun rapide antaŭen! Ni dividis denove la pakaĵojn kaj malpezigis niajn ĉevalojn. Je malfrua vespero ni haltis. Por festi la tagon duobla rizporcio estis disdonata. Grandajn brulŝtiparojn ni konstruis. Kiam ni sidis apud la fajro kun vizaĝoj nigraj pro la suno, kun profiloj akre lumigitaj per la ruĝa ŝtiparlumo, ni aspektis kvazaŭ indianoj.

Post tri tagoj da marŝo, sen ia notinda okazaĵo ni atingis la riveron *Alekma*.

VIII. ĈAPITRO.

## Ĉe la araĉonoj.

Tie ĉi ekscias la leganto, ke sovaĝuloj ne nur en Eŭropo ekzistas, sed ankaŭ en orienta Siberio.

Ni multfoje sentis ĝis nun, ke vanaj estas homa scio, prudento, volo, sinofero, ĉar kontraŭ la forto kaj ludo de la naturo ni ne povas gajni la batalon. Ĉu brilas la suno, aŭ pluvas, ŝajne estas sensignifaj faktoj, tamen influas la vivon de milionoj.

Ni parolis ĉiam kun certa maltrankvilo pri la rivero *Alekma*. Laŭ la karto ĝi estas multe pli granda, ol la *Ĉornoj Urjum* kaj ni kalkulis minimume 3 tagojn ĝis la atingo de la transa bordo.

Sed male okazis.

Sortmalbenitaj ni estis ĉe la *Urjum*, feliĉon ni havis ĉe la *Alekma*.

Depost tagoj estis trankvila, bela vetero. La ĉielo pompis en serene blua koloro. Sinjoro Suno brilis konstante. Ne pluvis, kaj la sekeco malaltigis la riveron. La Alekma havis seriozan, duonnigran koloron. Ĝi estis rapidflua, sed kondutis kiel bona infano, ne faris grandan bruon per siaj ondoj.

Eĉ la ĉevalojn ni ankoraŭ ne malŝarĝis, kiam du naĝantoj jam elprovis la profundecon kaj rapidecon de la rivero. — Mi vetas je mia hodiaŭa sekpano, ke la rivero ne estas travadebla! — kriis la ĉiam pesimista studento.

— Ni laboros kelkajn semajnojn, ĝis ni transiros ĝin — aldonis iu alia.

Sed la pesimismo ne praviĝis en tiu ĉi okazo. La rivero ne estis pli profunda ol du arŝinoj kaj sen grandaj preparoj estis trairebla por homoj kaj bestoj.

Por kontraŭstari la puŝforton de la akvo, ni prenis en la manojn bastonegojn. Kelkaj kunligis sin reciproke. Senprokraste ni ekiris kaj feliĉe, sed lace, ni alvenis sur la velurmolan sablon de la transa bordo.

Por festi la feliĉan tagon ni decidis aranĝi ripoztagon kaj dum tiu ĉi tago fari grandan sinlavadon. La ripozon ni vere meritis, la sinlavado estis ankaŭ nepre necesa. Kun niaj eksteraĵoj oni vere ne estus povinta prezenti sin en salonoj. La vestaĵoj estis disŝiritaj. La ŝuoj, kiuj antaŭ kelkaj semajnoj estis tre taŭgaj kaj fortaj, nun apenaŭ uzeblaj. Niaj ĉemizoj ricevis pro la ensekiĝinta ŝvito duonnigran koloron. Nia kapo estis abunde kovrita de haroj, lipharoj kaj barbo. Vi, kiuj vivas en normalaj cirkonstancoj, neniam ĝuas la feliĉon, kiun donas la demeto de trisemajne malpura ĉemizo kaj la surmeto de la freŝpura. La plimulto el ni riparis sian vestaĵon aŭ beligadis sian korpon, dum kvar el ni foriris surĉevale por serĉi la araĉonojn.

Araĉonoj! Ni jam multfoje aŭdis tiun nomon. Delonge ni sciis, ke en la ĉirkaŭaĵo de la rivero *Alekma* vivas indiĝenaj nomadoj, tiel nomitaj. La demando estis: kiel trovi ilin. Tuj, alveninte, ni pafadis por rimarkigi nin. Nenia rezultato. Por ni signifis grandan feliĉon la eventuala trovo de araĉonoj. Eble oni povas akiri de ili nutraĵojn, ili povos servi kiel gvidantoj. Kun granda scivolo ni atendis, ĉu sukcesos la araĉonserĉado. Jam pasis 3—4 horoj kaj niaj kamaradoj ne revenis.

— Certe ia malfeliĉo malhelpas ilin — estis aŭdebla en iu grupo. Tiun rimarkon faris, okaze, ne la ĉiam pesimista studento sed iu kamparano.

— Povas esti, ke la araĉonoj kaptis kaj mortigis ilin — opiniis iu alia.

— La araĉonoj estas la plej honestaj homoj en la mondo — defendis ilin Dolfi kiu partoprenis en la interparolado — kaj ankaŭ Sepi ne lasas, ke oni mortigu lin, — aldonis li kun memfido, kiu ne estis senbaza ĉe homo vivinta jam depost du jaroj en praarbaro.

— Sed kio povis okazi ke ili ne venas? — demandis denove iu.

— Verŝajne ili nenion trovis kaj ilin ĝenas hejmenveni senrezulte — estis la konkludo de la plimulto.

Tiaj interparoloj havis tre interesan karakteron. Ni uzis tri lingvojn: la germanan, la hungaran kaj la rusan, Kiel internacia helplingvo servis ĉefe la rusa, sed la man-signa parolo ludis ankaŭ sufiĉe gravan rolon.

Jam estis tre malfrua posttagmezo, kiam la kamaradoj revenis kaj kriis de malproksime:

— Ni trovis ilin!

Ni tuj ĉirkaŭis la revenintojn kaj superŝutis ilin per demandoj.

— Kie, kiam, kiun vi renkontis? Kiel ili aspektas?

— Kiamaniere ili vivas? Ĉu estas vere, ke ili havas nur cervojn? Ĉu ili gvidos nin? Ĉu ili timis? — Kompreneble ne estis facile respondi je ĉiuj demandoj.

Niaj kamaradoj vagadis jam kvar horojn, kiam ili trovis la araĉonan vilaĝon: virojn virinojn kaj infanojn. La araĉonoj tre miris, vidante la fremdajn homojn. Nur unu estis inter ili kiu jam interrilatis kun rusoj. Estis do tre malfacila la interkompreno. Post longa klarigado ili komprenis ke ni estas migrantoj irantaj al okcidento kaj ni estas tre riĉaj je objektoj. Pro la lasta kaŭzo ili konsentis tuj viziti nin por ŝanĝi objektojn. Niaj kamaradoj devis antaŭrajdi por sciigi nin, kaj prepari la ĉevalojn La araĉonoj venos sur kurcervoj kaj la ĉevaloj eble timos la cervojn.

— Ili jam venas! — atentigis nin la deĵoranto. Vere, oni povis jam vidi la interesan karavanon konsistantan el 30—40 homoj. Ili

rajdis sur kurcervoj. La cervoj estis tre delikataj, nervozaj kaj graciaj bestetoj. Kelkaj el ili havis kornaron el 12—16 brančoj. La viroj sidis unuope sur la cervoj, la virinoj kun 2—3 infanoj kune . . . La vestaĵoj estis egalaj ĉe viroj kaj virinoj. Ili konsistis el cervofelo.

Laŭ aspekto la diferenco inter viroj kaj virinoj ne estis granda, sed oni devas konfesi ke la felo de la virinoj ne estis tiel eluzita kiel tiu de la viroj.

Tuj oni povis rekoni la mongolan tipon. La mallarĝa, oblikva, karakteriza okulbreĉo, la elstarantaj vangostoj kaj la malpintaj nazoj faris ilin tre similaj al la rasoj vivantaj en Orient-Siberio: al la jakutoj kaj burjatoj.

La infanoj estis malbele kreskintaj kaj multaj el ili havis ĝibon.

Pro la renkonto estiĝis sincera, viva ĝojo ambaŭflanke. Al ni plaĉis pleje la cervoj kaj la infanoj, kaj post kelkaj minutoj ni jam tute amikiĝis al ili. Por montri nian riĉecon ni tuj aranĝis ekspozicion. Post duonhoro ni jam solene malfermis ĝin. Centdek objektojn ni elmetis. La publiko miris pri ĉio, ĉefe plaĉis al ili nia teleskopeto, la poŝ-fajrofarilo kaj niaj batistaj naztukoj; la foiro havis vere brilan sukceson. La araĉonoj kvazaŭ atakis nin por ŝanĝi siajn objektojn je la niaj. Ili invitis nin viziti la araĉonan vilaĝon. Kaj ni decidis plilongigi nian ripoztempon kaj viziti niajn gastamajn novajn konatulojn. *(Daŭrigota)*

---

# ARTO KAJ ARTISTOJ

Sub jena, de nun konstanta rubriko, en rilato al niaj ilustraĵoj, ni konigos la artajn klopodojn, eminentajn pentristojn de ĉiam alia nacio, aŭ internaciajn artajn epokojn, direktojn, skolojn. En la nuna numero ni konigas tri eminentajn hungarajn pentrartistojn.

*

KARLO FERENCZY. (1862) Li studis en sia 27-a jaro en la Juliana akademio en Pariso. La epoko de la naturalismo, laŭ la maniero de *Bastien Lepage,* floris tiutempe. *Bastien Lepage* (1848—1884) kun sia admirinda sci-kapablo povis figuri la naturon en siaj bildoj fidele ĝis la erarigo. La kolorojn, kiujn la naturo al ni prezentas, li reproduktis kun la plej objektiva fideleco kaj kreis ĉirkaŭ si skolon laborantan laŭ lia preskaŭ fotografe objektiva naturvido. Tamen, laŭ la spirita enhavo, alte superas lin lia majstro, Manet. (1838—1883.)

Ferenczy feliĉe transnaĝis ĉi tiun naturalismon. La ĉefa esenco de liaj artaj klopodoj fariĝis — laŭ liaj propraj vortoj — „sopiro ĝerminta el la plezuro pri la tuta naturo je la reprodukto de tiu naturo. Kaj la esprimmaniero, kiun mi serĉas senĉese, estas: forta, kolorisma fideleco al la naturo sur resumanta bazo."

La maniero de *Bastien Lepage,* akcentanta la detalaĵojn, evidentiĝas ĉe li en la trozorgema linio-serĉado. Sed li baldaŭ liberiĝas de tio ĉi kaj eklaboras por la efekto de l' tuto, por dekorativa kunefekto. Ĉi tiu klopodo je dekorativeco kondukis lin al la plej intensa kolorvido. La plej karakteriza trajto de liaj bildoj estas la monumentala kvieto. Ĉi tiu kvieto sterniĝas ankaŭ sur lia bildo: *Jozefon vendas liaj fratoj.* Laŭ koncepto la bildo ne estas severe laŭhistoria, tamen li altiĝas super la nivelon, de l' genro. La simpleco de l' konceptmaniero donas al la figuroj ian preskaŭ timigan monumentalecon, kiun ankoraŭ pligrandigas la dezerta monotoneco de la fono.



NIAJ VERKISTOJ: LOUISE BRIGGS

*

BÉLA IVÁNYI-GRÜNWALD. Li naskiĝis en 1867., el terkulturista familio. Siajn infanjarojn kaj tutan junaĝon li pasigis en la stepo. Tie li enspiris la profundan amon al la naturo, kiu poste fariĝis neelĉerpebla fonto de lia arto. Siajn studojn li komencis en Budapest kaj daŭrigis en München, poste en Pariso, en la Juliana akademio, samtempe kun K a r l o F e r e n c z y.

Iványi Grünvald estas, en la moderna senco de la vorto, rakontanta artisto. „Inter la montoj" kaj ĉiu alia lia bildo estas plena de senpera ago. Rilate siajn kolorojn li estas riĉa kaj forta. Li ne serĉas kolorproblemojn, sed lin emocias la senperaj kolorefektoj de la naturo. La procedo de la arta nasko okazas ĉe li ne el interne al ekstere, sed ĝuste inverse: mem la netuŝita naturo donas la inspiron al li. Liaj bildoj montras la ĉarme naivan kaj alloge sinceran naturobservon de la primitiva homo. En la ĝuo de liaj bildoj ni povas droni kun nia tuta fizika estaĵo, lia aero, liaj arboj, herboj spiras el si la naturon mem, refreŝigas la okulon, enlulas la animon.

Lia penik-uzo estas konciza, resuma, li preferas labori per grandaj amasoj, grandaj kontrastoj. Li havas delikatan senton pri la dekorativaj efektoj.

JOZEFO RIPPL-RÓNAI. Naskiĝis en 1861, pentristo li fariĝis en sia 23-a jaro. Komence li studis en München, poste en Parizo, ĉe Munkácsy, kie li laboris dum tri jaroj. Sed lian disvolviĝantan artistindividuecon baldaŭ tedis la tutelo, li ekiris sola por krei sian individuan arton.

Dum noktoj li vagis tra la malvastaj kaj mallumaj Parizaj stratoj por akiri artan impulson el ilia malhela tono. Li vidis el proksimo la socialan mizeron, kiu riĉigis lian arton per nova sfero. En 1892 li ekspoziciis tie 60 bildojn kiujn la kritiko tre laŭde akceptis.

Liaj temoj troviĝas inter la kadroj de la ĉiutaga vivo, kion li mem kialas jene: „Laŭ mi la dokumento de nia vivo povas esti nur tio, en kio ni mem vivas, ĝuste tial mi preferas tion pentri.“

Liaj artaj klopodoj moviĝas en la direkto de l'impresionismo. La impreson li penas kiel eble plej rapide meti sur la tolon. Tial li uzas ĉefe la pastelon, kiu plej bone konvenas al la rapida laboro.

La plej karakteriza trajto de lia arto estas la resumo, li donas kvazaŭ la koncizan ekstrakton de siaj sentoj: ĉiun linion kaj formon li agordas al unu fundamenta sento kaj tiamaniere liaj verkoj montras ian stilizitan aspekton. Al liaj, tre karakterizaj, desegnaĵoj apartenas la reproduktita „La aŭskultantoj.“

*Paŭlo Varsányi*

# MONDLITERATURA OBSERVO



VEIKKO ANTERO KOSKENNIEMI estas la plej fama kaj nobla finna poeto. Li naskiĝis la 8-an de julio 1885. en Oŭlu, fariĝis studento en 1903. kaj fil. kand. en 1907., estis elektita kiel profesoro de literaturo en Finna Universitato de Turku en 1920. Li publikigis en 1907. poemkolekton „Runoja“, en 1908. p. k. „Valketa kaupungit“ (Blankaj urboj), en 1913. p. k. „Hiilivalkea“ (Bivakfajro), en 1917 „Elegioja“ (Elegioj), en 1918. p. k. „Sidän ja kuolema“ (Koro kaj morto), krome du eposetojn, tri kolektojn da eseoj, tri prozformajn kolektojn da priskriboj pri urboj de poetoj, pri Romaj poetoj kaj pri l' „Pariza kvartalo de poetoj“, *Quartier Latin:* li agis ankaŭ kiel kritikisto de multaj gazetoj, redaktoro de l' finna revuo „Aika“ (Tempo), tradukis verkojn de Grillparzer, Kierkegaard, Musset, Balzac k. a., k. a.*

La poezio de Koskenniemi estas antaŭ ĉio poezio de eterneco. Kiel graciaj turoj de gotikaj temploj ĝi leviĝas al la ĉielo, leviĝas kaj levas ankaŭ la leganton al la plej Alta. Kvazaŭ el marmoro skulptitaj, simplaj, antikve puraj kaj diafanaj estas liaj versoj. En ili vibras ĉio, kio estas komuna al ĉiu, de la prahomo ĝis la marionetoj de la nuna tempo, tempo de urĝado de aeroplanoj kaj radiotelegrafio. Ĉio surtera estas kondamnita al pereo. Foje, foje sur la silentajn tegmentojn falos el la alto de l' eterneco nokto de morto, lastfoje pulsos ĉiuj arterioj, plenumiĝos la granda sopiro de la malforta homaro, nur revoj skulptitaj en ŝtono pruvos pri nia sopirego. La sango kaj animo de elegio pulsas tra la tuta poezio de Koskenniemi. Ĉio duonpreta, duonprofunda estas por li senvalora. Estu granda en kolero kaj amo, Dion benu aŭ malbenu, sed ne rezignu! Ja ero el Dio estas ankaŭ en vi. Spite al ĉio, veturu kiel Faetono per sunĉaroj, flugu kiel Ikaro al la suno! Kun arda koro ĉirkaŭprenu la ĉielon, teron kaj maron!

Infano de l' Antikvo estas Koskenniemi. Serene falas liaj versoj, verboj en ili triumfas kaj adjektivoj tondras, muĝas antaŭen kiel ondegoj de finnaj akvofaloj, kiuj venas el nigraj marĉar-arbaroj, el regnoj de lupoj kaj gufoj, senkronaj reĝoj de dezertoj, kaj rapidas eterne, eterne preter vilaĝoj kaj tra urboj.

Legante la poezion de Koskenniemi, ni forgesas, ke ni estas homoj, kaj ke ni estas sur tero. Ni liberiĝas, ni fariĝas kvazaŭ pura homideo kaj naĝas super tero en lumo kaj libero. — Senriske ni povas diri, ke Koskenniemi estas unu el la plej noblaj poetoj de Eŭropo, kvankam malmulte konata ekster Finnlando La lingva baro en ĉi tiu okazo estas preskaŭ nevenkebla, la finna lingvo ja estas tiel malmulte konata en Eŭropo. Vere, kelkaj kolektoj da poemoj de Koskenniemi estas tradukitaj en la lingvoj germana, sveda kaj rusa, sed bedaŭrinde traduko estas nur traduko. Tiel ankaŭ la Esperanta. La finna lingvo estas tiel naturfreŝa, ke jam senco de ĝiaj vortoj estas malfacile tradukebla. La melodion de finnaj vokal- kaj diftongriĉaj vortoj kun akraj konsonantoj, strangaj akcentoj kaj varie longaj silaboj neniu tradukanto kuraĝas eĉ peni imiti. Tial ankaŭ la ritmoj de l' poezio de Koskenniemi influas en nervoj de nuntempa homo kiel refreŝiga frostvento de Nordo; ili hardas, ili igas nin, tiel-dire, sensentaj antaŭ materialo. Ni ne amu, nek batalu por nia tera bonesto, sed ni konstruu la animon, nobligu tiun juvelon, kiu en ni estas el Dia pramonto. Ĉio alia floras kiel anemono, floro de printempo kaj majo, nur ĝis brulkiso de somermezo. Nia simbolo estu la aŭtunlilio, kiu tenas sian korolon al la ĉielo eĉ post la unua neĝado, tra la purblanka neĝveluro. Kvankam la tuta florejo jam velkis, ĝi ne. Ĝi trinkis la lastan lumguton de l' malalte cirkulanta suno de la Nordo kaj sonĝadis tra longaj aŭtunnoktoj; dancadon de serennuboj ĝi nur revsentis, sed ne travivis.

Koskenniemi kvazaŭ ĉiam militas „kontraŭ nokto“; honeste kaj enuante li konfesas, ke lia patrino estas nokto, sur brusto de Ĥaoso li trinkis jam narkoton de ritmoj kaj rimoj, sed tamen li volas batali kontraŭ ĝi, kontraŭ — sia patrino! Homo estas ero de l' universo, li vidas tion kaj tiu vido ĉe li superas ĉion tiel, ke eĉ negativaj vortoj kaj strofoj en lia mano influas pozitive.

Ne facile komprenebla estas kelkfoje Koskenniemi. Junaj legantoj, kiuj havas ankoraŭ etajn spertojn en la vivo, kredas, ke li neas ĉion, disŝiras ĉion varman kaj narkotantan en la vivo. Tute ne! Kelkfoje pli vastanima ol Victor Hugo, kiu kunverkas stelon kaj paŝtistan bivakfajron, Koskenniemi trasekcas fulmomaniere la tutan universon, senfinan tempon kaj senfundan harmonion preskaŭ en unu verso. Kaj ni, legante tian verson, preskaŭ svenas. Ni sentas, ke en tio ĉi estas ŝarĝitaj tro multe da homa sperto, homaj sufero kaj pasio. Tial la poezio de Koskenniemi estas kvazaŭ radiumatomo, kies volumeno estas eta, sed kiu tenas en si teruran kvanton da forto, da energio radianta ĝis kiam la lasta homo klinas sian kapon antaŭ suno estingiĝanta.* *Joh. Edv. Leppäkoski*

*La eldonejo de Koskenniemi estas Werner Söderström Oy Porvoo. Finnlando.

* En Esperanto tradukitaj troviĝas poemoj de Koskenniemi, krom en nia nuna kaj 8. (12.) numeroj, en „Esperanto Triumfonta“ no. 81. kaj „Esp. Finnlando“ en la jarkolektoj 1920.: numeroj 9., 11.; 1921.: numeroj 8., 9., 11.; 1922.: numero 1.; 1923.: numeroj 1., 2.; krome en iu Japana Esperantorevuo.

REEN AL METUŜELAĤ *(Back to Metuselah)* estas la plej nova verko de *Bernard Shaw*, kaj la granda okazaĵo de la angla dramart-mondo estas nuntempe la unua prezentado de ĉi tiuj *kvin dramoj* en la Birminghama *Repertory* Teatro, 9.—27. de oktobro, sub la nomo *Bernard Shaw Festival*.

Ĉiuj notindaj dramart-kritikistoj pilgrimis ĉiokaze al Birmingham por ĉeesti la prezentadon de la verko, kiun ili nomas „kuraĝplena kaj mirinda eksperimento".

La kvin teatraĵoj estis ludataj unu post la alia simile al la Wagner'a „Ringo".

Kvankam la tuta signifo de la ciklo povas esti komprenata nur post la vido de la kompleta serio, ĉiu teatraĵo ankaŭ aparte formas memstaran unuon, donas neforgeseblan ĝuon kaj abundan materialon por longa pripensado.

La tuta serio entenas periodon de tridekmil jaroj. „En la komenco" estas la titolo de la unua parto, kiu reportas nin en la ĝardenon de Edeno, prezentante kiel ĉefrolulojn la kvar konatajn karakterojn: Adamon, Eva'n, la Serpenton kaj Kainon.

Ĝin sekvas la dua parto „La kredo de la fratoj Barnabas", ludanta post la „milito por fini militon". Ni vidas nian modernan tempon en la satirisma prezento de Shaw, kies akra sprito kaj sarkasmo kritikas tie la modernajn politikistojn por deklari fine sian teorion, ke la mondo povas esti savita nur de nova tipo de politikistoj, kiuj vidas trans epokoj kaj ne dronas en la efemero. Car tian spertecon povas doni nur la aĝo, politikistoj kaj regantoj devas havi almenaŭ tricent jarojn.

Kaj la tria dramo, „La afero okazas", portas nin en la jaron 2140 post Kristo. La mondo marŝis plu en la nuna direkto, ĝi jam dronas en ĝenerala dekadenco kaj plena ruiniĝo minacas ĝin. Sed nun, en la plej ĝusta momento, aperas feliĉe tiuj tricentjaruloj kaj savas la mondon el la pereo.

La kvara parto, „Tragedio de maljuna sinjoro", jam ludas en 3000 post Kristo, kiam la centro de la Brita Imperio estas en Bagdad. La Britaj Insuloj estas loĝataj de kelkcentjaruloj. La brita ĉefministro venas el Bagdad, kun kelkaj aliaj diplomatoj, al Irlando por konsulti la Oraklon. Li estas akompanata ankaŭ de la Napoleono de tiu periodo, kiu ankaŭ petas la konsilon de la Oraklo. Per la buŝo de tiu Napoleono Shaw penas montri la vantecon de militoj, ilian malsaĝan instigon por gloragoj kaj belaj patriotaj inspiroj, kiuj estas fabrikataj nur de la Napoleonuloj por subteni sian propran regadon.

Kaj la kvina parto — „Ĝis kie la pensoj povas atingi" — jam okazas en 31920 post Kristo. En tiu ĉi verko la aŭtoro kontrastigas la havon de scio kaj meditado al la delikata, subtila ĝuo de l' Arto kaj Muziko kaj la plej alta bono laŭ la opinio de Shaw konsistas el stato parenca al la Budhista Nirvano.

Estas malfacile priskribi improvize kaj en mallonga artikolo la kvin interesajn kaj grandskalajn verkojn; per ĉi tiu skizo, eĉ jam per la titoloj, oni povas imagi la grandiozan novan kreaĵon de Shaw, sufiĉu diri ankoraŭ, ke Shaw en tiu ĉi verko estas profeto de nova religio, de la *krea evoluo*, kaj Back to Metuselah estas la unua parto de lia biblio.

Certe estus tre interese kaj dezirinde, se oni povus traduki tiujn interesajn verkojn pri nova religio en la novan lingvon. *J. D. Applebaum*

RICHARD RUDZITIS estas sendube unu el la plej interesaj *latvaj* poetoj. Sian unuan poemlibron li dediĉas al la senhaltaj serĉantoj de l' stelo de Homeco, al ĝiaj batalantoj. Kaj sendube ankaŭ li mem estas unu el tiuj. Nur la superondanta patoso de lia juna animo, la vortabundaj esprimoj kaj tro libera formo faras lian portreton ankoraŭ iom nebula. Liaj ideoj estas ankoraŭ ne plene disvolvitaj, ne tute ellaboritaj. Tamen jam tio, kion li prezentis ĝis nun, kaj lia juneco donas esperon por vidi en li pli gravan, pli valoran laboranton por la kresko kaj florado de la nova latva kulturo.

Ĝenerale la nuntempan staton de la latva kulturo oni povas karakterizi per la vortoj: soifo de menso. La milito pruvis la vantecon de la materialisma kulturo, detruis ĝin. Sed tiu mensa kulturo, kiun la latvoj havis antaŭ la milito, kuŝas ankaŭ nun en la trezorejoj. Estas do kompreneble, ke la voĉoj nun sonas por laboro, por kulturo mensa. Ankaŭ *Rudzitis* komencas sian libron per la samaj vortoj. Kvazaŭ profeto li deklaras, ke venos la tempo, kiam tiu soifo superregos la mondon, kiam la homa animo fariĝos malsata pro la manko de menso. Kaj tiam sur ĉiu vango ruĝos la honto pri la Pasinto, kvazaŭ signo de Judaso. Li antaŭvidas la detruiĝon de ĉio per la gigantaj progresoj de tekniko kaj materia kulturo. Kaj li vokas, revokas al la naturo, al la homa animo. Li alvokas la homojn: forgesi partiojn, klasojn, naciecon kaj kreskigi en si la sentojn de solidareco kaj amo. Li vokas: — amu ĉion ĉielan, ĉion teran, ĉion belan, ĉion vivantan. Sed ne forgesu la fraton pli malgrandan, kompatindan, subpremitan. Kiam lia plej granda malamiko eniris lian loĝejon kaj pardone premis lian manon, tiam li ekkredis, ke naskiĝis fine Homo.

Mi ripetas — Rudzitis estas unu el la plej interesaj paĝoj de la latva poezio. Tamen, klaran mondrigardon, klaran sistemon de filozofio lia unua kaj sola libro ankoraŭ ne prezentas, — li ja estas tro juna por tio. Tial ĉiuj senpacience atendas, kion li portos al ni en siaj pluaj libroj. *R. Eichenbaum*

---

## BIBLIOGRAFIO

K. R.: LA REĜO JUDEA. Dramo en kvar aktoj kaj kvin bildoj. El la rusa lingvo tradukis V. Devjatnin. Esperantan tekston trarigardis magistrato de teologio kaj akademiano prof. A Dombrovski. Rekomendita de Esperantista Literatura Asocio. Dua eldono. Kaunas, Litovujo. Eldono de P. D. Medem.

La medita enprofundiĝo en sorton de alia signifas plenan komprenon kaj sinceran kompaton. Se tiu ĉi enprofundiĝo inspire superombras poetan animon, tiam naskiĝas majstroverko. La poeto, sin modeste kaŝanta sub la literoj „K. R.", per konvinka forto pruvas la verecon de la supraj sentencoj. Li donis al la mondliteraturo tian verkon, preter kiu oni ne povas facile forgliti dum la legado. La verko postulas por si atentan esploron kaj igas la leganton kun kompata komprenо kaj ĉiam pliiĝanta admiro sekvi la poeton tra ĉiuj okazintaĵoj, flankaj epizodoj, kiuj maturigas la draman evoluon kaj kondukas ĝis la tragedia fino. La poeto prezentas al ni la tragedion de Kristo per konvinka realeco de la historio mem, kies aŭtentikaj faktoj viciĝas unu post la alia antaŭ niaj okuloj. La verko ne estas ŝablona paŝioludo, sed grandioza poeta konstruo, per kiu li klare montras la batalon, kunpuŝiĝojn de ideoj, regantaj en tiu epoko, kiam Kristo vivis, instruis kaj mortis pro kaj por siaj ideoj, kreantaj novan mondon. La heroe humila kaj superhome majesta figuro de „La reĝo Judea" ne aperas sur la scenejo, por ke la leganto aŭ dum teatra prezentado la aŭdantaro ne estu seniluziigita per embarase homa figuro, sed nevidate Li leviĝas antaŭ ni en sia dignoplena giganteco. La verko estas klasika en vera senco de la vorto kaj ni ĝoje konstatas, ke ankaŭ la traduko de V. Devjatin interpretas ĝin en klasika formo kaj lingvo. Ni dankas la eldoninton, sinjoron P. D. Medem, kies tute pravigita entuziasmo donacis veran valoraĵon al nia internacia literaturo. *Jobo*

Globus presartinstituto A. S., Budapest. Direktoro Nikolao Biró